Gonçalo Neves

# ESPERANTO KAJ IDO: MALSAMAJ VOJOJ SUR PARNASON

## Kompara studo pri la disvolviĝo de Esperanto kaj Ido kiel poeziaj lingvoj



Eldonejo Drako

2019

**Gonçalo Neves**

# ESPERANTO KAJ IDO: MALSAMAJ VOJOJ SUR PARNASON

## Kompara studo pri la disvolviĝo de Esperanto kaj Ido kiel poeziaj lingvoj

**Reviziita, pliampleksigita kaj ĝisdatigita eldono**

**Eldonejo Drako**



**Espinho, Portugalio**

**junio 2019**

# Enhavo

Enkonduka klarigo ....................................................................4
1. Lingvoj kaj poezio ..................................................................5
2. La vojo de Esperanto sur Parnason ............................................6
3. Sinteno de Couturat rilate poezion ............................................16
4. Ido-poezio post Couturat.............................................................48
5. Ido-poezio post Andreas Juste ....................................................56
6. Konkludo....................................................................................70
La Espero .......................................................................................75
Ido-traduko de Friedrich Schneeberger (1909)................................75
La Espero .......................................................................................76
Ido-traduko de Tazio Carlevaro (1977 / 2019) ................................76
La Espero .......................................................................................77
Ido-traduko de Gonçalo Neves (2002) ............................................77
La Espero .......................................................................................78
Ido-traduko de Tiberio Madonna (2010)..........................................78
**Indekso de personoj**....................................................................79
**Indekso de verkoj** .......................................................................84
**Indekso de periodaĵoj**...................................................................89
**Indekso de lingvoj**........................................................................90
**Indekso de lokoj**...........................................................................91
**Indekso de bildoj**..........................................................................92
Bibliografio ......................................................................................93

## Enkonduka klarigo

Dum internacia kolokvo pri Ido, kiu okazis ĉe KCE (Kultura Centro Esperantista), en Ĉaŭdefono (La Chaux-de-Fonds), Svislando, de la 13a ĝis 14a de aprilo 2018, mi prelege prezentis, je 2018-04-14, resumon de la nuna studo, kiu poste aperis komplete en *Literatura Foiro*.[1]



Dorsa (alĝardena) fasado de KCE en Ĉaŭdefono.

La nuna versio estas reviziita kaj riĉigita per aldonaj fotoj kaj alispecaj bildoj (kun detalaj didaskalioj) kaj ankaŭ per pliaj piednotoj, citaĵoj kaj bibliografiaj referencoj. Krome, la 5a ĉapitro ("Ido-poezio post Juste") estas reverkita, ĝisdatigita kaj pliampleksigita. En ĝi mi nun mencias i.a. Ido-verkojn, kiuj (re)aperis post la dato, en kiu mi devis liveri la manuskripton al KCE (2018-02-10).

Krome, mi piednote prezentas ĉiujn citaĵojn en la originala lingvo, kun esperanta traduko en la ĉefa teksto. Tiucele mi transskribis la Ido-frazojn senŝanĝe kaj markis ĉiujn arkaikajn vortoformojn per antaŭmetita º, ekzemple: º*ambicyo*, º*sa*, º*max*.

Mi dankas al Partaka pro liaj rimarkoj kaj sugestoj, kiuj helpis min plibonigi la unuan version de la manuskripto, al Tiberio Madonna kaj Brian Drake, kiuj atentigis min pri preterlasoj kaj misoj en la posta Ido-versio, kaj fine al Jorge Camacho kaj Miguel Bento, kiuj pacience provlegis la nunan, definitivan version.

[1] vd. Neves 2018.

## 1. Lingvoj kaj poezio

Kia rilato ekzistas inter lingvo kaj poezio? Ĉu iuj lingvoj estas pli ‘taŭgaj’ por poezio ol aliaj? Ĉu tia ‘taŭgeco’ dependas de ilia ‘natureco’ aŭ ‘artefariteco’? Ĉu ekzemple Esperanto estas pli taŭga por poezio ol Ido aŭ Interlingua? Jen malfacile respondeblaj demandoj. Evidente la kvanto da poemoj originale aŭ traduke verkitaj en Esperanto estas ege pli granda ol en Ido kaj Interlingua. Tial ankaŭ la kvanto da *bonaj* poemoj esperantlingvaj estas nesuperereble pli granda ol la kvanto da tiaj poemoj en Ido aŭ Interlingua. Tamen tia statistiko per si mem ne pruvas, ke Esperanto — aŭ iu ajn alia lingvo, artefarita aŭ ne — poezie pli taŭgas aŭ pli indas ol alia. La koncepto pri ‘taŭgeco’ estas relativa, subjektiva kaj tre individua. Tial tiaj komparoj apenaŭ havas valoron. Tamen eblas kaj indas kompari lingvojn je poezia nivelo surbaze de aliaj kriterioj. Ekzemple, surbaze de ties internaj — t.e. strukturaj — ecoj, kiuj favoras aŭ malfavoras poezian verkadon. Eblas kaj indas kompari ankaŭ la t.n. ‘spiriton’ de ĉiu lingvo kaj analizi, ĉu ĝi stimulas tiaspecan verkadon. Fine, eblas kaj indas kompari la cirkonstancojn, en kiuj elformiĝis la poetiko de tiu aŭ alia lingvo. Ĝuste pri tio temas la nuna referaĵo, kiu tamen konsideros nur Esperanton kaj Idon.

## 2. La vojo de Esperanto sur Parnason

Lingvokree Zamenhof gvidis sin per kriterioj ne nur utilismaj aŭ pure lingvaj aŭ lingvistikaj, sed ankaŭ per konsideroj humanismaj kaj estetikaj. Junaĝe li ŝatis poezion kaj eĉ aspiris fariĝi poeto en la rusa, kiu estis unu el liaj hejmlingvoj,[2] kaj tiu ŝato ŝajne neniam malfortiĝis dum lia vivodaŭro.[3] Li verkis en la rusa, ankoraŭ infano, "diversajn versaĵojn" kaj, nur dekjara, eĉ "5-aktan tragedion".[4] La sola teksta fragmento el lia unua lingva projekto, Lingwe Uniwersala, estas konata strofo:

*Malamikete de las nacjes*
*Kadó, kadó, jam temp' está.*
*La tot' homoze in familje*
*Konunigare so debá.*[5]

---

[2] Pri la lingvoj parolataj de Zamenhof ankoraŭ regas miskomprenoj kaj eĉ mitoj. Detalan pritrakton (kun ampleksa bibliografio) faris Verd-Conradi 2003: 300–309. Bedaŭrinde lia artikolo — verkita en la hispana — ne vaste diskoniĝis inter la interesatoj.

[3] En letero publikigita en *The American Esperanto Journal* en januaro de 1908 (do verŝajne skribita fine de 1907), Zamenhof ja informis, ke "Mi tre amas poezion kaj muzikon; sed bedaŭrinde la tro okupita tempo tute ne permesas al mi ĝui ilin" (vd. pvz 1992: 304).

[4] En letero de Zamenhof al Michaux je 1905-02-21 (vd. Waringhien 1948: 111).

[5] vd. Waringhien 1989: 23.

Jam tiam (1878) Zamenhof zorgis pri tio, ke la lingvo estu taŭga por poezia verkado. Tial li dotis ĝin per la eblo elizii ne nur substantivojn (*temp'*), sed ankaŭ adjektivojn (*tot'*), kaj krome, li allasis oksitonajn verboformojn (*está*, *debá*) por ebligi virajn versojn verbofinajn. El tiuj 'licencoj', nur la elizio de substantivoj restis en la fina versio de Esperanto...


Leo Belmont (1865–1941), aŭtoro de la unua publikigita esperanta poemo nezamenhofa (1888) kaj lanĉinto de la unua radiko ne enkondukita de Zamenhof (*mebl/*).

Ankaŭ en la posta projekto, Lingvo Universala (1881–1882), laŭ la malmultaj postlasitaj manuskriptoj, oni trovas du poemojn, el kiuj unu estas tradukita (*Balladdo*, de Heine) kaj la alia, originala (*Pinto*, "Penso").[6] Fine, ankaŭ en la t.n. Unua Libro de la Lingvo Internacia de D-ro Esperanto (1887) sidas tri poemoj, el kiuj unu estas tradukita (la antaŭe menciita balado de Heine) kaj du, originalaj: *Mia penso* (reverko de la antaŭa *Pinto*) kaj *Ho mia kor'*.[7] Krome, la gravecon atribuitan de Zamenhof al lingvo internacia kiel perilo de literaturaĵoj montras ankaŭ lia antaŭvido, en la antaŭparolo de la Unua Libro, ke per enkonduko de tia lingvo "Falus la ĥinaj muroj inter homaj literaturoj".[8]

[6] vd. Waringhien 1989: 27, 31.
[7] vd. pvz 1973: 24–26.
[8] vd. pvz 1973: 9.

Ne mankas poemoj ankaŭ en la *Dua Libro de l' Lingvo Internacia* (januaro 1888): *Kanto de studentoj* — traduko de la fama *Gaudeamus igitur*, fare de Hemza (pseŭdonimo de Zamenhof) — kaj *El Heine'*, tradukita de K.D. (t.e. Leo Belmont).[9] Ties *Aldono* (junio 1888), tamen, senas je poeziaĵoj.[10]

En la unua numero de *La Esperantisto* (septembro 1889) aperas unu originala poemo (*Al la 'Esperantisto'*), subskribita de "Amiko"[11] (p. 7), kaj en la sekva numero (novembro) sidas plia poemo (*Sonoriloj de l' vespero*), tradukita de Grabowski el la angla (p. 12). En la tria numero (decembro) aperas du pliaj poemoj: *La pluva tago*, de Longfellow, tradukita de Grabowski, kaj *Che l' maro*, de Heine, tradukita de E. de Wahl (p. 23). En la sekva numero (januaro 1890) pliiĝas la kvanto da poemoj: *Nokt' en la koro*, de Byron, tradukita de Belmont, *La renkonto de shipoj*, tradukita de Grabowski el la angla, kaj *Guto de pluvo*, originale verkita de Goldberg (p. 27). Kaj tia tendenco



La Esperantisto.

Prospekt. | Prospectus. | Prospekto.

La unua numero de *La Esperantisto* (1889-09-01).

[9] vd. pvz 1973: 83–85.
[10] vd. pvz 1973: 87–105.
[11] Pseŭdonimo de Zamenhof (vd. Minnaja/Silfer 2015: 11).

neniam haltis. Post du sinsekvaj numeroj senversaj, en la sepa numero (aprilo 1890) Zamenhof mem, sub la pseŭdonimo Hemza, kontribuas per 60-versa originala poemo, la plej longa el ĉiuj ĝistiamaj aperintaj versaĵoj, kaj ankaŭ la plej longa el ĉiuj liaj poeziaj originaloj: *Al la fratoj* (p. 39). Ĝin sekvas kvarnumera serio senversa kaj trinumera serio versohava, kies unua numero (januaro 1891) rekorde enhavas eĉ kvar poemojn. Tamen en la lasta numero de tiu ĉi serio (n-ro 3, marto 1891) atentindas precipe jena anonco, nun apenaŭ konata, kiu ne nur okulfrapas pro la kurioza esprimo "alta aŭtoro", sed ankaŭ gravas tial, ke ĝi montras, ke la lingvo, malgraŭ la ĝistiamaj poeziaj tradukprovoj, ŝajne ankoraŭ ne estis preta por ampleksa traduko versa (aŭ ĉu eble temis nur pri manko de talento ĉe la koncerna tradukinto?):

"La firmo 'Friedr. Korn'sche Buchhandlung' eldonis en la lingvo Esperanto la dramon de unu alta aŭtoro, tradukitan de V. V. de Majnov. Nürnberg, Verlag der Friedr. Korn'sche Buchhandlung. 1891). La originalo estas skribita per versoj, sed por ne ŝanĝi la tekston de la originalo la traduko estas farita per prozo. La traduko estas trarigardita de L. Zamenhof. Ni rekomendas tiun ĉi verkon al la amikoj de la lingvo." (p. 22).

Post du pliaj numeroj senversaj, en la sesa numero (junio 1891) aperas la 60-versa originala poemo de Goldberg, *La turo Babilona* (p. 44), kiu tiel fariĝas la ĝistiama plej longa originala poemo nezamenhofa. Tamen, post du senversaj numeroj, tiun rekordon baldaŭ larĝe rompas la 144-versa originala poemo

*Vizito de la steloj sur la tero*, aperinta en la 9a numero (septembro 1891, p. 70–71), plume de Fez (t.e. Felikso Zamenhof).

Post sesnumera serio versohava kaj unu numero senversa, en la 6a numero de 1892 okulfrapas la originala poemo *Frenezulino*, de Fez (p. 83–84), ne nur pro sia longeco (113 versoj), sed ĉefe pro la licencoj, kiujn la aŭtoro, pro metrikaj postuloj, permesis al si ĉe jenaj versoj: *Senkulpa k'el infano* (2a verso), *Filino mia! fals-amo lia* (17a verso), *K'al do detenas, k'al do malbenas* (61a verso). En la 8a numero samjara atentindas poemo de Victor Hugo, *La Dormo de l'Infano*, tradukita de L. de Beaufront (p. 116–117). La naŭa numero (septembro), kun ses poemoj originalaj kaj tradukitaj, starigas novan rekordon. Plian rekordon rompas la numero 12 (decembro) per 401-versa originala poemo de Devjatnin (p. 183–186). Krome, samnumere, oni povas legi jenan anoncon: "Sinjoro V. N. Devjatnin tradukis per blankaj versoj la dramon de Puŝkin 'Boris Godunov' kaj dezirus trovi por ĝi eldonanton. En la lasta letero li skribas al ni, ke la eldonon de tiu verko prenis sur sin la societo 'Espero' " (p. 181). Do, nur unu jaron post la fiasko de Majnov, Devjatnin sukcesis traduki dramon ne proze, sed verse.

En 1893 la gazeto starigas novan rekordon en la junia numero per sep poemoj (tri tradukitaj) el sep malsamaj plumoj. En la sekva numero (julio) falas en la okulojn jena pagita reklamo: "Sub la redakcjo de s-ro A. Grabowski eliris elegante

eldonita verko: *La Liro de la Esperantistoj, kolekto da versaĵoj en la lingvo internacja Esperanto*. 164 p. en 8º, prezo 60 Kop. (1,50 fr.)" (p. 112). Temas do — malgraŭ la iom stranga 'ortografjo', frukto el la tiama reformemo de Grabowski — pri la unua libroforma poemaro en Esperanto. Ĝi enhavas 110 poemojn de 24 aŭtoroj, el kiuj 27 estas originale verkitaj de "12 poetoj diversnaciaj kaj diverslingvaj",[12] fakto sendube eksterordinara en lingvo tiel juna. En la aŭgusta numero (n-ro 8), en iaspeca recenzo, Zamenhof informas, ke "La lingvo de la verko estas iom (kvankam ne multe) alia, ol en nia gazeto" (p. 117), poste li indikas la ĉefajn ŝanĝojn[13] kaj fine sciigas, ke Grabowski, en sia antaŭparolo, malfermis voĉdonadon de la Ligo kaj petas la esperantistojn esprimi al li sian opinion pri la prezentitaj reformoj. Tamen, ŝajne, la ortografie kaj prozodie revolucia verko ne bone disvendiĝis, ĉar, malgraŭ ripetiĝo de la pagita reklamo en pluraj sinsekvaj numeroj de la gazeto, Grabowski decidis malaltigi ĝian prezon kaj elpoŝigi mem la sendokostojn, laŭ jena anonco en la oktobra numero de 1894: "S-ro Grabowski petas nin sciigi, ke por la personoj, kiuj sin



*La Liro de la Esperantistoj* (1893), ortografie kaj prozodie revolucia verko kompilita de Grabowski.

---

[12] Minnaja/Silfer 2015: 33.

[13] *ed* anstataŭ *kaj*, *lo* anstataŭ *ĝi*, *j* anstataŭ *i* antaŭvokala (*radjo*, *familjo*, *kjel*, ktp.) kaj sinkopo ĉe pluraj vortoj, indikita per ' (*neb'lo*, *speg'lo*, ktp).

turnos al li, li malaltigis la koston de la ‘Liro de la esperantistoj’; li elsendas (kun senpaga transsendo) la ‘Liron’ por 50 kop.” (p. 148)...


Vasilij Devjatnin (1862–1938), tradukinto de *Demono*.

En la septembra numero de 1894 Zamenhof sciigas, ke “Eliris el la presejo la ‘Demono’ de Lermontov, tradukita per rimaj versoj de V. Devjatnin” kaj promesas “detalan raporton” (p. 131) por la sekva numero. En la oktobra numero, anstataŭ recenzi mem la tradukon de Devjatnin, Zamenhof preferas presi la leteron de “unu varmega esperantistino”, kiu longe (p. 148–150) kaj patose disertas pri la verko kaj poezio ĝenerale, preskaŭ ĉiam laŭde pri la tradukinto, kiu “senlime reĝas super siaj rimoj”, kvankam ŝi renkontis ankaŭ “vortojn, rimitajn kun siaj neigaĵoj (lumo — mallumo, bono — malbono)”...

En la novembra numero aperas la “fina rezultato de la voĉdonado”, per kiu la esperantistoj decidis restigi la lingvon en ĝia tiama formo (p. 161–162). Samnumere Zamenhof anoncas, ke “A. Kofman el Odeso komencis la tradukadon de la glora verko de Homero ‘Iliado’ per heksametraj versoj en la lingvon Esperanto”, kaj ke “S-ro Devjatnin finis la tradukon de ‘Poltavo’ de Puŝkin kaj alpaŝis al la tradukado de ‘Otello’ de Ŝekspir” (p. 163). Se konsideri, ke jam antaŭe komencis eliradi sur apartaj

folioj la zamenhofa traduko de *Hamleto*, la esperanta beletro videble bone fartis tiam, malgraŭ la reformema ondo, kiu devigis la redaktoron de la gazeto okupi amason da paĝoj per proponoj kaj lingvaj meditoj.

Tamen ŝajnas, ke ne ĉiuj kontentis pri tia situacio. En la marta numero de 1895, Zamenhof ja presis leteron de A. Zinovjev, en kiu ĉi lasta sciigas, ke li "ĉiam dubadis kaj daŭrigas dubi je la utileco, por la nuna tempo, de la eldonado de literaturaj verkoj en Esperanto". Laŭ li, "La belliteraturo Esperanta estas bezona al neniu". Kaj li aldonas, ke li abonas la Bibliotekon sed kontentigas sin nur per la germana vortaro kaj "neniam legis kaj neniam legados aliajn ĝiajn verkojn". Li eĉ aŭdacas aserti, ke "Malcerte legis ilin iu krom iliaj aŭtoroj" (p.35). Drastaj argumentoj, kontraŭ kiuj Zamenhof sentis la neceson publikigi tre longan replikon (p. 35–38), en kiu li sciigas i.a., ke "Unu nova amiko eĉ skribis al mi, ke la tralego de Hamleto en Esperanto pli efikis sur lin kaj pli varmigis lin por nia afero, ol ĉiuj plej lertaj teoriaj admonoj, kiujn li iam aŭdis!".




Unua eldono (1894) de *Hamleto*, eksterordinara traduko de L. L. Zamenhof, malgraŭ la juneco de la lingvo.

Ĉesis baldaŭ poste la unua esperanta gazeto, kies lasta numero aperis en junio de 1895. La torĉon transprenis *Lingvo Internacia*, kies unua numero publikiĝis en decembro de la sama jaro, en Svedio, kaj en 1898 komencis eliri ankaŭ *L'Espérantiste*, redaktata de Louis de Beaufront. En la nova jarcento, la gazetoj ekmultiĝis, kaj en 1906 aperis la unua numero de *La Revuo*, la unua literatura periodaĵo en Esperanto, sed jam antaŭe, en 1905, do en la sama jaro kiel la unua Universala Kongreso, publikiĝis la unua libroforma originala poemaro, sub la modesta titolo *Versaĵareto*, de la litova pastro Aleksandro Dombrovski (1860–1938). Ĝin sekvis *Sonoj Esperantaj* (1908), de Belmont, *Unuaj agordoj* (1910), de Elski/Elska (t.e. Braun/Karolczyk), *Sableroj* (1911), de Hankel, *Per espero al despero* (1911), de Schulhof, kaj multaj aliaj, senhalte ĝis nun.



Aleksandro Dombrovski, aŭtoro de la unua libroforma originala poemaro en Esperanto (1905).

Aŭtorinte la lingvon, Zamenhof ne ĉesis traduki versojn kaj verki originalajn poemojn. La adeptoj de lia lingvo, pli aŭ malpli talente, sekvis lian ekzemplon kaj ne hezitis kultivi la muzojn ekde la lulila tempo de Esperanto, kies vojo sur Parsason do montriĝis glata, natura kaj apenaŭ kontestata. Tial oni povas aserti, ke Esperanto kaj poezio estas nedisigeblaj de la komenco kaj ĝis nun. Sen la poezia konceptado de Zamenhof, sen lia poeta imago, fantazio kaj revemo, Esperanto eble havus nun iom aŭ eĉ

tute alian formon aŭ eĉ ne ekzistus. Oni povas eĉ aserti, ke Esperanto entute estas lingva poemo, kiun Zamenhof komponis omaĝe al la kreema spirito de la homaro.[14]




De 1905 ĝis nun, neniam ĉesis aperi beletraj aŭ kulturaj revuoj en Esperanto. © Eldonejo Drako (fonto mencienda ĉe reuzo)

[14] Similan ideon esprimis Thorsen (1963: 68) en sia datrevena poemo *15.12.1959*: "Hodiaŭ / ritmo, rimoj kun dolĉo dance festas / pro verko, kiu mem poemo estas".

### 3. Sinteno de Couturat rilate poezion

Parolinte pri la sinteno de la aŭtoro de Esperanto rilate poezion, mi menciu nun tian sintenon flanke de la aŭtoro de Ido. Tamen pri la aŭtoreco de Ido oni jam verŝis — kaj verŝajne plu verŝos — tiom da inko! Juste (1973: vii) bedaŭris, ke "Tre vane oni diskutis pri la aŭtoroj aŭ la aŭtoro de nia lingvo".[15] Tamen tiaj diskutoj, laŭ mi, ne estas vanaj, kondiĉe ke oni diskutas kaj argumentas science kaj tute objektive kaj senpartie, *sine ira et studio*,[16] kion miaopinie ne ĉiam faris Berger, Aymonier, Waringhien k.a., malgraŭ la graveco de iliaj eltrovoj. La nuna studo ne celas nek povas pritrakti tian malfacilan kaj multfacetan demandon. Ĉi-tekste do, pro nuraj praktikaj kialoj, mi konsideros Louis Couturat (1868–1914) kiel kunaŭtoron de Ido (kvankam tiun kvalifikon, aplikitan i.a. de Bourlet, li opiniis "kalumnio"),[17] ne nur tial, ke li aŭtoris la konatan *Étude sur la dérivation en esperanto* (1907) — unu el la pilieroj, se ne la ĉefa, de la konstruo de Ido — kaj kunlaboris en la vortaroj eldonitaj de la Delegacio en 1908 (kiel li mem reliefigis en sia refuto al Bourlet),[18] sed ankaŭ kaj eĉ precipe tial, ke li estis la gvidanto

---

[15] *Tre vane on diskutis pri l'autori o l'autoro di nia linguo*.

[16] *sine ira et studio*: latinaĵo signifanta "sen kolero kaj partieco" (maksimo de la roma historiisto Tacito, ĉ. 55 – ĉ. 120).

[17] Couturat 1912c: 249.

[18] "Mi estas la aŭtoro de *Étude sur la dérivation en esperanto*, disdonita en aŭgusto 1907 al la ĉefaj Esperantistoj. La aŭtoro de la projekto de Esp. reformita subskribita *Ido* kaj prezentita, la 15an

de la diskutoj, esploroj kaj decidoj, per kiuj la projekto Ido ellaboriĝis kaj lingviĝis inter 1908 kaj 1914.


Louis Couturat en 1910.

Ĉu en sia lingvokonstrua laboro Couturat, kiu konatiĝis kun Esperanto en 1900,[19] gvidis sin per la samaj principoj kiel Zamenhof? Nu, tio apenaŭ estus ebla, ĉar la du aŭtorojn disigas gravaj diferencoj koncerne familian etoson, kulturan atmosferon, loĝlokon, universitatan edukiĝon, kutimojn kaj eĉ vivtenajn


L. L. Zamenhof en 1910.

de oktobro 1907, al la Komitato de la Delegacio, estas bone konata al ĉiuj. Lin povis inspiri, kiel iun ajn alia, la teorioj kaj proponoj, kiujn enhavas mia *Étude sur la dérivation*. Tiun projekton la Komitato adoptis kaj alproprigis al si, trudante al ĝi kelkajn modifojn. // Kiel membro de la konstanta Komisiono de la Delegacio, mi kunlaboris en la vortaroj de la *Linguo internaciona di la Delegitaro*, kiu ricevis poste la nomon *Ido* (julio 1909)” [*Me esas l'autoro di* Studio pri la derivado en Esp.*, disdonita en agosto 1907 a la precipua Esperantisti. L'autoro di la projeto di Esp. reformita °subskribita* Ido *e prizentita, ye la 15 oktobro 1907, a la Komitato di la* Delegitaro*, esas bone konocata da omni. Il povis inspiresar, quale irg altru, da la teorii e propozi kontenata en mea* Studio pri la derivado*. Ta projeton la Komitato adoptis e proprigis a su, impozante ad ol kelka modifiki. // Kom membro di la konstanta Komisitaro di la* Delegitaro*, me kunlaboris a la vortolibri di la* Linguo internaciona di la Delegitaro*, qua recevis pose la nomo* Ido *(julio 1909)*] (Couturat 1912c: 249–250).

[19] En franclingva letero al la brita matematikisto kaj filozofo Bertrand Russell (1872–1970), skribita je 1900-11-05, Couturat ja informis, ke “Dum miaj ferioj mi studis du sistemojn, *Esperanto* kaj *Langue*

cirkonstancojn. Ekzemple, dum Zamenhof havis ok gefratojn (lia plej juna fratino eĉ nomiĝis Ida!), ricevis tri gefilojn, loĝis en orienta Eŭropo, fariĝis okulisto kaj neniam sekvis universitatan karieron, Couturat, solfilo[20] de bonstataj gepatroj kaj edziĝinta al kuzino,[21] ne ricevis gefilojn, loĝis en Parizo, estis duobla doktoro (do, 'duktoro'), pri filozofio kaj matematiko, verkis du doktorajn disertaĵojn, unu en la latina,[22]



Ida Zamenhof, poste Zimmermann (1879–1942), la plej juna fratino de L. L. Zamenhof, murdita en Treblinka (Pollando).

---

*Bleue*. Ŝajnas al mi, ke la unua klare superas la duan kaj estas mirinde facila" [*J'ai étudié pendant les vacances deux systèmes,* l'Esperanto *et* la Langue Bleue. *Le premier me paraît bien supérieur, et d'une merveilleuse facilité*] (vd. Schmid 2001: 204).

[20] vd. Benaerts 1915: 3.

[21] "En aprilo 1896 li edziĝis al kuzino, kiu estis por li la sindona kunulino, kiun mi deziris por tia elitulo" [*En avril 1896, il épousait une cousine qui fut pour lui la compagne dévouée que je souhaitais depuis longtemps pour cette nature d'élite*] (Benaerts 1915: 10). Ŝia kompleta nomo estis Marie Joséphine Racine (1874–1951) (vd. Luciano/Roero 2005: 227).

[22] *De Platonicis mythis*. *Thesim Facultati Litterarum Parisiensi proponebat Ludovicus Couturat, Scolae Normalis olim alumnus*. Parisiis. Edebat Felix Alcan Bibliopola, via dicta Boulevard Saint-Germain, 108. M DCCC XCVI. Columbariis. Ex typis Pauli Brodard.
La titolo de tiu ĉi verko estas iafoje (ekzemple: Benaerts 1915: 10; Beaufront 1923: 5) misprezentita kiel *De mythis Platonicis*, anstataŭ la ĝusta *De Platonicis mythis*.



Zamenhof estis ĝisosta fumanto. Sur la foto iu ekbruligas al li cigaredon okaze de Esperanto-aranĝo en Frankfurto (1906).

dediĉitan al sia patro (*patri meo*), alian, tre dikan, en la franca,[23] ambaŭ sukcese defenditajn samjare kaj samtage,[24] profesoris en pluraj universitatoj kaj, malkiel Zamenhof, neniam devis barakti por vivteni sin.[25] Zamenhof difektis sian sanon per obstina fumado,[26] dum Couturat estis antitabakisto, kion montras ekzemple lia artikolo *Veneneso di la tabako*, en kiu li asertas i.a., ke "ĉiaj pruvoj pri la malutileco de tabako malhelpos neniun sorbi tiun venenon, tiom forta estas la stulta kaj naŭza kutimo, pruntita disde la sovaĝuloj de

[23] *De l'Infini mathématique*. Paris: Alcan 1896. xxiv, 668 p. En franclingva letero al la itala matematikisto kaj interlingvisto Giuseppe Peano (1858–1932), skribita je 1896-10-30, Couturat asertis, ke "temas pri filozofia disertaĵo, kiu celas ĝisdatigi la filozofojn pri lastatempaj matematikaj teorioj" [*c'est une thèse de philosophie, destinée à mettre les philosophes au courant des théories récentes en Mathématiques*] (vd. Luciano/Roero 2005: 3).

[24] La 12an de aprilo de 1896 (vd. Benaerts 1915: 10).

[25] En franclingva letero al Russell (1898-05-04) Couturat konfirmis, ke li mem pagis la preskostojn de sia disertaĵo (vd. Schmid 2001: 50). Kvankam li ne precizigis, ĉu temas pri lia verko latina aŭ pri la franclingva, plej verŝajne temas pri ĉi lasta, kiu estas 692-paĝa. Kia kontrasto kun Zamenhof, kiu, laŭ informo de lia frato Leono, dum du jaroj vane serĉis eldoniston kaj, ne trovinte, "sukcesis ricevi prunte kelkan sumon da mono kaj eldoni mem sian unuan libron" (vd. pvz 1987: 31), kvankam ĝi estis nur 40-paĝa!

[26] Lia filo Adamo rakontis, ke "Li multe fumis" kaj eĉ "tute ne povis labori sen fumado" (vd. pvz 1987: 67–68), kion konstatis i.a. lia

Ameriko".[27] Tamen la du interlingvistoj havis ankaŭ komunajn ecojn. Ambaŭ estis laboremaj, talentaj, entuziasmaj, altruismaj, strebemaj kaj veramaj. Ambaŭ pasie enamiĝis al la demando pri enkonduko de neŭtrala lingvo internacia kaj senĉese laboris por ĝi. Ĉu ankaŭ poezio rolis en la vivo de Couturat?

Nu, dank' al la valora atesto[28] de la franca historiisto Louis Benaerts (1868–1941), samaĝa kiel Couturat kaj dufoje lia samlernejano — en liceo Condorcet kaj en École normale

---

bonevo Max Levite: "Dum sia laboro li multege fumis kaj promenadis en la ĉambro, murmurante kaj kantante popolajn melodiojn" (vd. pvz 1987: 88). Laŭ N. Z. Maimon, en letero al Itô Kanzi (1974-08-27), la patro de Zamenhof "estis granda fumanto. De li li akiris tiun kutimon" (vd. pvz 1982: 18). Oni ne forgesu, ke en la magra radikaro de la t.n. Unua Libro ne mankas *cigar* kaj *cigared* (vd. pvz 1981: 8)...

[27] "*omna pruvi pri la nociveso di la tabako impedos nulu absorbar ta veneno; tante forta esas ta stupida e °nauziganta kustumo, pruntita de la sovaji di °Ameriko*" (Couturat 1912d: 272). Pri la sinteno de Zamenhof rilate alkoholaĵojn mi trovis nur la opinion de Maimon, kiu, en letero al Itô Kanzi (1974-10-28), prie demandite de sia korespondanto, respondis, ke "Estas certe, ke Ludoviko ne trinkis alkoholaĵojn. Judoj ĝenerale ne multe trinkas. Se ili trinkas — ĉe religiaj ritoj, estas iom da vino" (vd. pvz 1982: 18). Couturat ŝajne estis ankaŭ abstemiulo, ĉar en recenzo pri la unua numero de la tria jarserio de *Idealisto* (1912) li jene komentis la artikolon *Pro quo vu ne volas?*, tradukitan de A. den Hengst: "perfekta kaj frapa teksto pri propagando kontraŭ alkoholaĵoj kaj tabako: oni ne povas pli forte pentri la frenezon de la homoj, kiuj scias, ke tio estas venenoj, kaj tamen konsumadas ilin" [*texto perfekta e frapanta di °propagado kontre alkoholo e tabako: on ne povas plu forte piktar la foleso di la homi, qui savas, ke to esas veneni, e tamen konsumadas li*] (Couturat 1912e: 512-513).

[28] vd. Benaerts 1915: 3–6.



Afiŝo pri *La Marche à l'étoile* (ĉ. 1890).

supérieure —, ni scias, ke en 1890, kiam ambaŭ prepariĝis por la agregacia ekzameno, Couturat kutimis gajigi la etoson de ilia studenta ĉambro (france: *turne*) per deklamado de poemoj de la latina poeto Horacio kaj sonetoj de José-Maria de Heredia (1842–1905), kubdevena franclingva poeto, kaj per kantado de esprimoplenaj rimoj el *La Marche à l'étoile*, teatraĵo pri la altira forto de la Betlehema stelo, aŭtorita de la franca muzikisto Georges Fragerolle (1855–1920), kiu premieris en 1890 en la pariza kabaredo Chat Noir kaj poste fariĝis furoraĵo (500 turneaj prezentoj!). Laŭ la sama atesto, ni scias ankaŭ, ke Couturat estis fervora leganto de la greka filozofo Platono kaj de la latina filozofa poeto Lukrecio, pri kiuj li "volonte ripetis"[29] jenajn versojn de la franca poeto Sully-Prudhomme (1839–1907), kiu Nobel-premiiĝis en 1901:

"Mi ja volus laŭplaĉe popoli panteonon
Per la pintaj senmortuloj, kiujn naskis raso homa!
La graci' atika min altiras, kaj la forto roma,
Lukrecion portus mi kaj, liadekstre, Platonon."[30]

[29] "*répétait volontiers*" (Benaerts 1915: 6).
[30] Mia traduko de: *Que je puisse à mon gré peupler un panthéon / Des plus grands immortels nés de la race humaine ! J'aime la grâce attique et la force romaine, / Je porterai Lucrèce à droite de Platon.* (*Poèmes. L'Art ; Prologue*).

Benaerts nin informas pri alia maroto de Couturat: desegnarto. Lia amiko ja frekventis desegnajn kursojn de la franca pentristo Louis Héctor Leroux (1829–1900), naskita en Verduno (la sama urbo kie, kelkajn jarojn poste, fondiĝos la unua literatura Ido-revuo!). Li pripentris la murojn de ilia studenta ĉambro per la muzoj de filozofio, poezio, gramatiko kaj historio aŭ krajonis desegnon, "el linio ĉiam harmonia",[31] por la programo de festo aŭ revuo. Rimarkinte lian desegnan talenton, Georges Perrot (1832–1914), franca arkeologo kaj helenisto, kaj direktoro de École normale inter 1888 kaj 1902, invitis lin viziti la muzeon Louvre kaj kopii plurajn objektojn. Tiuj desegnoj aperis poste en la 5a volumo de monumenta arthistoria verko, kunaŭtorita de Perrot mem.[32]



Unu el la desegnoj de Couturat (ĉ. 1890).

Nek arto nek poezio estis do fremdaj al Couturat. Ĉu tiajn ŝatojn li transprenis en la novan lingvan projekton, kiu poste fariĝis stabila lingvo? Nu, ŝajne io okazis inter la studenta kaj la maturaĝa periodoj de la filozofa matematikisto, ĉar en 1907

[31] "*d'une ligne toujours harmonieuse*" (Lalande 1915: 21).

[32] *Histoire de l'art dans l'antiquité: Égypte, Assyrie, Phénicie, Judee, Asie Mineure, Perse, Grèce, Étrurie, Rome*. Par Georges Perrot (1832-1914) et Charles Chipiez (1835-1901). Tome V: Perse, Phrygie, Lydie et Carie, Lycie. Paris: Hachette 1890. 928 p.
En la 5a volumo aperas 8 desegnoj de Couturat: n-roj 522 (p. 868), 523 (p. 868), 524 (p. 869), 525 (p. 869), 526 (p. 870), 527 (p. 871), 528 (p. 871) kaj 529 (p. 872).

Couturat, komentante la verson “Levos la kapon mi kun fiero”, kiun li renkontis en la poemo *Al la fratoj*, de Zamenhof mem, en *Fundamenta Krestomatio*, riproĉis tian uzon de *fiero*, anstataŭ *fiereco*, kaj avertis ke, kvankam temas pri poemo, “la sama misuzo tre oftas en prozo. Cetere, ege maloportunas prezenti poeziaĵojn kiel modelojn pri stilo en krestomatio, ĉar oni nepre emas verki ilin tro libere aŭ eĉ ekuzi ‘licencojn’ rilate gramatikon, sintakson kaj derivadon”.[33] Samjare li aldonis, ke la L.I. (Lingvo Internacia) devas servi “unue, al ĉiaspecaj kleruloj, t.e. filozofoj, juristoj, kuracistoj, inĝenieroj, historiistoj, erudiciuloj, resume, al ĉiaj homoj instruitaj; due, al industriistoj kaj komercistoj; trie, al vojaĝantoj kaj turistoj”.[34] Jen do! Nenia mencio pri artistoj kaj literaturistoj! Tia priskribo de la celpubliko de la L.I., cetere, plene kongruas kun la deklaro de la germana-balta kemiisto kaj filozofo Wilhelm Ostwald (1853–

---

[33] “*le même abus est très fréquent en prose. A ce propos, il est très fâcheux de donner des poésies comme modèles de style dans une chrestomathie, car on y est forcément amené à prendre des libertés et même des ‘ licences ’ avec la grammaire, la syntaxe et la dérivation*” (Couturat 1907b. 38). Ekzistas ankaŭ Ido-versio, pli laŭvorta, de Couturat mem (1910d: 44): “*la sama misuzo esas tre frequa en prozo. Okazione, esas tre °malbona prizentar poeziaji quale modeli di stilo en krestomatio, nam on esas forcata prenar en li ula liberesi e mem ‘ licenci ’ relate la gramatiko, la sintaxo e la derivado*”.

[34] “*La L. I. devra pouvoir servir : 1º aux savants de tout ordre, en comprenant sous ce terme les philosophes, les juristes, les médecins, les ingénieurs, les historiens, les érudits, bref, tous les hommes d’étude ; 2º aux industriels et aux commerçants ; 3º aux voyageurs et aux* touristes” (Couturat 1907a: 5).

1932), membro de la Delegacio kaj posta Nobel-premiito pri kemio (1909), kiun Couturat citis en la unua numero de *Progreso*, aperinta en marto de 1908, kaj laŭ kiu la konstruo de la L.I estas “ne fantaziaĵo, sed problemo scienca kaj teknika”. [35] Scienca kaj teknika, do ne arta...

Ŝajnas do ke, en la komenco, la lingvokonstrua agado de Couturat havis celon ĉefe utilisman, kvankam poste, dum la sepjara periodo de ellaborado kaj perfektigado de la lingvo, dum kiu li devis kunlabori kun diversspecaj fakuloj kaj atenti, konsideri kaj prijuĝi iliajn diverĝajn opiniojn, ĝi evoluis al celo pli ampleksa kaj pli nuancita, al kiu ne mankis ankaŭ ĉiam pli fortiĝanta elemento socia, kio igis la svisan filozofon Arnold Reymond (1874–1958) pentri ĝin iom alie, asertante en lia nekrologo, ke per la starigo kaj disvastigo de Ido “li deziris ne



Arnold Reymond, svisa filozofo, unu el la nekrologintoj de Couturat.

[35] vd. Couturat 1908a: 2. En la unua numero de *Progreso*, preskaŭ ĉiuj tekstoj estis verkitaj en Esperanto klasika, kiun Couturat nomis EP (“Esperanto Primitiva”), kontraste kun la nova lingvo, kiun li nomis ES (“Esperanto Simpligita”). En la sekvaj numeroj la kvanto da tekstoj en EP laŭgrade malgrandiĝis, dum samgrade grandiĝis la kvanto da tekstoj en ES. Ekde la tria numero (majo de 1908) Couturat komencis marki per * la titolon de ĉiuj tekstoj en EP aŭ en alia lingvo aŭ lingvoprojekto ol ES.

nur kunlabori en verko homama, sed ankaŭ kolekti materialojn kun la celo fiksi la lingvan logikon”.[36]



Emanuel Reicher (1849–1924), germana aktoro kaj reĝisoro, kiu okaze de la 4a UK (Dresdeno, 1908) sukcese enscenigis kaj aktore partoprenis la teatraĵon *Ifigenio en Taŭrido*.

Sian frutempan antipation kontraŭ literaturo — kaj precipe kontraŭ poezio — en la L.I. Couturat eksplicite esprimis meze de julio de 1908, en jena recenzo pri du numeroj de *Deutsche Revue* (dec. 1907; maj. 1908): “Oni vidas, ke nenio pli damaĝas Esperanton, antaŭ la okuloj de la literaturistoj ol ĝiaj pretendoj al literaturo, al poezio, al perfekta tradukado de la ĉefverkoj literaturaj de ĉiuj lingvoj. Eĉ se tiaj pretendoj estus ĝustaj (kaj ili estas, laŭ ni, almenaŭ troigitaj kaj ege tro fruaj), ili povus nur forpuŝi kaj ŝoki la sciencistojn, kiujn ni volas konkeri. [...] La praktika celo, kiun ni volas atingi, estas *helplingvo* por la sciencoj, la komerco kaj la vojaĝoj [...]. Laŭ tio oni vidas, kiom malsaĝaj estas la plimulto de la esperantistoj, kiuj puŝas la ‘karan lingvon’ al la literatura aplikado, kiu estas tute neutila, kaj eĉ malutila, pro la misproporcio inter la celo kaj la rimedoj, kiu devigas la ‘aŭtorojn’ mistrakti kaj difekti la lingvon, por ke ĝi povu ‘rivali’ (!) kun neimiteblaj (aŭ neimitindaj) modeloj”.[37]

---

36 “*il désirait non seulement collaborer à une œuvre humanitaire mais aussi réunir des matériaux en vue de fixer la logique du langage*” (Reymond 1915: 17).

37 “*On vidas, ke nulo nocas plu ad Esperanto avan l’okuli di la literaturisti, kam °sa pretendi a literaturo, a poezio, a perfekta*

Piedpaĝe Couturat ankoraŭ sentis la neceson citi el letero de germana lingvisto, en kiu ĉi tiu diras: “Se estas vere, ke en la proksima esperantista kongreso oni prezentos *Ifigenion* de Goeto en Esperanto, tio ĉi ŝajnas al mi monstraĵo”.[38] Nur unu monaton poste, en recenzo pri *International Phrase-Book*, Couturat refoje uzas la saman argumenton: “tiuj tradukoj de kelkaj nuntempaj artikoloj aŭ de kelkaj anoncoj hazarde prenitaj el gazetoj pruvas pli ol la literaturaj tradukoj de *Hamleto, Eneido* aŭ *Ifigenio*”.[39]

---

*tradukado di la chefverki literaturala di omna lingui. Mem se ca pretendi esus justa (e li esas, segun ni, adminime exajerita e multe tro frua), li povas nur repulsar e shokar la ciencisti, quin on volas konquestar.* [...] *La skopo praktikal, quan ni vizas, esas linguo* helpanta *por la cienci, la komerco e la voyaji* [...]. *Per co on vidas, quante °malsaja esas la °max multa Esperantisti, qui pulsas la ‘kara linguo’ ad la literaturala aplikado, qua esas °tute neutila, e mem °malutila, pro la °malproporciono inter la skopo e la moyeni, qua forcas la ‘autori’ tormentar e koruptar la linguo por ke ol povez ‘rivalesar’ (!) kun neimitebla (o neimitinda) modeli*” (Couturat 1908b: 155).

[38] “*Se esas vera, ke en la proxima Esperantistal kongreso devas esar °riprezentata* Ifigenio *da Göthe en Esperanto, co aparas a me quale monstrajo*” (vd. Couturat 1908b: 155).

[39] “*ta traduki di kelka nuntempal artikli o di kelka anunci hazarde pruntita de jurnali pruvas multe plu kam literaturala traduki di* Hamlet, *di* Eneido *o di* Ifigenio” (Couturat 1908c: 324). Tamen, kelkajn jarojn pli frue, kiam li estis pli favora al Esperanto, Couturat skribis, en la jam menciita letero al Russell (1900-11-05), ke Esperanto “ebligas eĉ la tradukon de literaturaĵoj, kiel *Hamleto*” [*se prête même à la traduction des œuvres litéraires, comme* Hamlet] (vd. Schmid 2001: 205). Tiu zamenhofa traduko estas menciita dufoje ankaŭ en Couturat/Leau (1903: 327, 339), sen malfavora komento.

Nur du monatojn poste, recenzante la unuan numeron de *Progresido, duonmonata savigilo di la Grupo Verduna*, Couturat jene pravigis ties redaktoron, la francan oficiron Armand Populus:[40] "Pri la tro fama 'literaturo' Esperantista, S-ro Populus opinias tute prave, ke estas certe utile fari tradukojn por montri la kapablojn de la lingvo kaj liveri interesajn legaĵojn al la adeptoj; sed la peno esperantigi verkojn de alta kaj malfacila literaturo nepre mistraktas kaj difektas la lingvon; tion pruvas la plej lastaj tradukoj de D-ro Zamenhof, pri kiuj multaj silente opinias tion, kion S-ro Populus deklaras laŭte (tre klera esperantisto diris al mi, ke por kompreni *La Rabistoj*-n li devis konsulti la germanan tekston de Schiller!)".[41]

[40] Armand Populus, naskita je 1867-01-28 en Coulange-la-Vineuse, soldatiĝis en 1887 kaj fariĝis leŭtenanto en 1895. Inter 1897 kaj 1907 li leŭtenantis en kazerno en Caen, kie li instruis Esperanton. En 1907 li eniris la 151an regimenton en Verduno kaj fariĝis kapitano je 1907-06-23. Je 1914-08-24 li partoprenis en unu el la unuaj bataloj de la Unua Mondmilito en Etain (Meuse), kie li grave vundiĝis. Oni devis fortranĉi lian maldekstran femuron, kaj li videble tiom suferis poste, ke artefarita membro ne estis adaptebla. Li militservis dum 31 jaroj kaj 11 monatoj. Tre aktiva idisto ĝis 1914, lia nomo ŝajne ne plu aperas en postmilitaj revuoj. Dato de forpaso nekonata, sed ekzistas letero skribita de li je 1938-07-02, kiam li estis 71-jaraĝa. Mi dankas al Yves Nicolas pro ĉiuj ĉi-notaj informoj, senditaj per privata retletero je 2018-01-27.

[41] "*Pri la tro famoza 'literaturo' Esperantista, S*^o^ P*OPULUS opinionas tre juste, ke esas certe utila facar traduki por montrar la kapablesi di la linguo e furnisar interesanta lektaji a l'adepti;* °*sed ke la peno tradukar en Esp. verki di alta e* °*malfacila literaturo duktas fatale a tormentar e koruptar la linguo; to pruvesas da la* °*max recenta traduki da D*^ro^ *Zamenhof, pri qui multi pensas tacite to, quon S*^ro^

PROGRESIDO

*Nuva adresaro dokumentizita*

La redaktistaro di Progresido intencas komencar en la proxima Numero, la publikigo di adresaro dokumentizita por Idani. Pro to, ni pregas nia amiki resendar a Sro POPULUS, 21, Rue d'Anthouard, Verdun-sur-Meuse (France) la inkluzita bulteno kompletigita segun la yena modeli. L'enskribo esas senpaga por l'aboniti di Progresido. L'Idani ne abonita devos sendar samtempe Fr. 0.25 o', un respondo-kupono. Li ricevos la folyo sur qua esos lia nomo.

**N.-B. Skribar tre lektebla omna informi.**

La publikigo di l'Adresaro komencos kun la No di Novembro sur aparta folyo e duros segun la nombro di l'adresi publikigota. Kande la nombro di la folyi esos suficanta, on kunigos oli en aparta tomo komprebla che MARCHAL, 6, Rue Beaurepaire, Verdun. Francio.

Por la sendo di la bulteni e di la mono on povas turnar su a Siori:

ESCUDER, 30 Compoamor, Castellon. Hispanio.
LUZANA, Biella-Italio.
BOUCHER, Barendstraat 38, den Haag-Hollande.
J.-W. BAXTER, 8, Longhurst Rd. Lewisham. London S. E.
P. ALBERG, Surbrunsgatan 37, Stokholm.
Anton WALTISBUHL, 36, Bahnhofstrasse Zurich.
Dro HERMANN, Mozartgasse 10, Graz, Autriche.
Louis ORSATTI, 1.536, Sansomstr. Philadelphia Pa. 21. U. S. A.
Jacques KOERPERICH, Berchem, Luxemburg.
Wilhelm SCHWANZ, 8, Hamburger st. Hamburg 22,
qui resendos oli a Sro POPULUS.

Ta siori riprezentanti aceptas pago per Post-marki same kam la pago di l'aboni a Progresido qua kustas en singla lando Fr. 2.30. po sis monati, pagebla per post-marki di ta lando, a la riprezentanti.

Reklamo pri *Progresido* en *Progreso* (2a vol., mart. 1909 – feb. 1910)

Tamen la jaro 1909 markas komencan turnopunkton en la marŝo de Ido. La enhavo de *Progresido* fariĝas ĉiam pli bunta: recenzante ĝian 9an numeron, aperintan en januaro, Couturat ja mencias la rakonton *Dornrozetino*, “kiu estas nur resumo de la ĉarma *Belino dormanta en bosko*, de Perrault, kiu fermas nian *Unesma Lektolibro*”.[42] Tiu ĉi verko, jam antaŭe plurfoje anoncita en *Progreso*, kaj kies kovrilo portas la jaron 1908, aperis tamen nur meze de januaro de 1909.[43] En ĝia enkonduko Couturat klarigas, ke “Eldonante tiun ĉi *Unesma Lektolibro*, ni neniel havas la ridindan ambicion fondi novan ‘literaturon’ por nova ‘popolo’. Respondante al la deziro de la amikoj de la *Linguo internaciona*, ni simple deziras liveri al ili legaĵon, kiun ni penis elekti plej

*Populus deklaras laute (un tre savanta Esperantisto dicis a ni, ke por komprenar ‘La Rabistoj’ il °devis konsultar la germana texto da Schiller!)*” (Couturat 1908d: 457).

[42] “*qua esas nur rezumo di la charmanta* Belino dormanta en bosko, *da Perrault, qua klozas nia* Unesma Lektolibro” (Couturat 1909b: 737).

[43] Laŭ anonco en *Progreso* I, p. 751.

interesa kaj plej agrabla”.[44] Plie, li anoncas la eldonon de *Duesma Lektolibro*, kiu “enhavos pecojn de pli alta kaj serioza literaturo, kaj poste aliajn legolibrojn kun enhavo pli faka (scienca, filozofia, teknika)”.[45] Per tiaj verkoj, laŭ Couturat, “nia lingvo pruvos sian praktikan kapablon kaj sian laŭgradan adapteblecon al ĉiuj celoj de lingvo internacia, inter kiuj, cetere, la literaturo estas la malplej grava”[46]. Fine, Couturat antaŭvidas, ke tiel la lingvo “akiros laŭgrade la **vivon**, kiun oni malprave konsideras la mistera privilegio de ununura artefarita lingvo”.[47]

Temas do pri starpunkto pli nuancita flanke de Couturat: literaturo povas ja esti utila por vivigo de la lingvo, sed ĝi estu laŭgrada, laŭcela, kvazaŭ didaktike strukturita, kvazaŭ obeanta al racie ellaborita kaj metode aplikenda programo. Tamen la literatura vivo de Ido plu pulsis, kaj Couturat devis adaptiĝi kaj fari koncedojn. La marta numero de *Progresido* anoncis, ke ĝi fariĝos monata 20-paĝa literatura revuo, kie oni publikigos

---

[44] “*Editante ca unesma lektolibro, ni nule havas la ridinda °ambicyo fondar °nuva ‘literaturo’ por °nuva ‘populo’. Respondante a la deziro di l’amiki di la* **Linguo internaciona**, *ni simple deziras furnisar a li lektajo, quan ni penis selektar °max interesanta e °max °agrabla*” (Couturat 1908e: 3).

[45] “*kontenos peci de plu alta e serioza literaturo, e pose altra lektolibri, kun kontenajo plu specala (ciencala, filozofiala, teknikala)*” (samloke)

[46] “*nia linguo pruvos °sa praktikal kapableso e °sa progresiva adaptebleso ad omna skopi di linguo internaciona, inter qui cetere la literaturo esas la minim grava*” (samloke)

[47] “*aquiros gradoze la* ***vivo****, quan on konsideras °maljuste la °misteryoza privilejo di un sola artificala linguo*” (samloke)

tradukojn, ĉefe popolrakontojn el diversaj landoj, kaj Couturat tion taksis "bonega ideo". Krome, li aldonis, ke "ni varme rekomendas tiun revuon al niaj amikoj. Ilia plej granda bezono estas interesaj legaĵoj. Niaj *Lektolibri* ne sufiĉas al ilia 'apetito'; kaj *Progreso* estas tiel plena de teknikaj artikoloj kaj lingvaj diskutoj, ke ĝi neniel povas doni lokon al literaturaĵoj. Estas do tre oportune kaj necese, ke apud ĝi aperu literatura revuo, kun interesa aŭ amuza enhavo, kia laŭpromese estos *Progresido*".[48] Jen do grava konfeso, kiu markas evoluon en la sinteno de Couturat: *Progreso* senas je literaturaĵoj ne pro manko de intereso aŭ utilo, sed nur pro manko de loko!

Tamen la koncedoj de Couturat plu ekskludis poezion. Nur unu monaton post la supra entuziasma deklaro, li ja skribis, recenzante la martan numeron de *Germana Ilisto*[49] kaj aparte ties artikolon *L internaciona linguo e la poezio*: "Ju malpli oni uzos la L.I. por poezio, des pli bone estos por la L.I.!"[50] Krome,

---

[48] "*Ni varme rekomendas ta revuo a nia amiki. Lia ºmax granda bezono esas interesanta lektaji. Nia* Lektolibri *ne suficas a lia 'apetito'; e Progreso esas tante plena de teknikala artikli e linguala diskuti, ke ol nule povas donar irga loko a literaturaji. Esas do tre oportuna e necesa, ke apud ol aparez literaturala revuo, kun interesanta od amuzanta kontenajo, quale promisas esor* Progresido" (Couturat 1909c: 121).

[49] La nomo *Ido* por la nova lingvo neniam akiris unuaniman konsenton. Tial, jam de la komenco, kaj eĉ ĝis nun, oni proponis plurajn nomojn anstataŭajn. Unu el ili, longe populara, estis *Ilo* (el ***I**nternaciona **L**inguo*), kaj ĝuste sur ĝi baziĝas la nomo de tiu ĉi gazeto.

[50] "*Quante ºmin on uzos la LI. por poezio, tante plu bona esos por la LI.!*" (Couturat 1909d: 187).


La ĉefverko de Epikteto estis la sola libroforma literatura aventuro de Couturat. Lia Ido-traduko publikiĝis jam en 1909, dum la unua esperanta versio (fare de Gerrit Berveling) aperis nur en 2005 (ĉe Fonto).

recenzante la aprilan numeron de *La Mondlinguisto*, li faris ankaŭ jenan averton: “Ni insiste malkonsilas niajn samideanojn verki kaj precipe publikigi poeziaĵojn, ĉar tiaj verketoj estas pli malutilaj ol utilaj al nia lingvo kaj al nia ideo. La tradukado per versoj estas ekstreme malfacila kaj altrudas malĝustaĵojn, kiuj damaĝas la lingvon”.[51] Tia riproĉo certe venas de tio, ke la menciita revuo ‘kuraĝis’ presi originalan poemon en Ido, verŝajne la unuan en la historio de la lingvo!

Tiam, cetere, Couturat mem, kun la helpo de C.S. Pearson, unuafoje surpaŝis la literaturan kampon de Ido. La sama numero de *Progreso* ja anoncis la aperon de lia traduko *Enkhiridion o Manu-libro di Epikteto*, kiu, laŭ li, “liveras belan pruvon pri la fleksebleco de nia lingvo, ĉar ĝi ebligis traduki tre fidele la grekan tekston (tre malfacilan pro ĝia lakoneco) multe pli ekzakte ol ajna moderna lingvo”.[52]

---

[51] “*Ni insiste °malkonsilas a nia samideani kompozar e precipue publikigar poeziaji, nam tala verketi esas plu °malutila kam utila a nia linguo ed a nia ideo. La tradukado per versi esas extreme °malfacila ed obligas facar nekorektaji, qui domajas la linguo*” (Couturat 1909d: 188).

[52] “*furnisas bela pruvo di la flexebleso di nia linguo, nam ol permisis tradukar tre fidele la greka texto (tre °malfacila pro °sa lakonikeso) multe plu exakte kam irga moderna linguo*” (Couturat 1909e: 191).

Meze de 1909, recenzante la majan numeron de *Internaciona Socialisto*, li mencias ankaŭ, sen malfavora komento, la teatraĵon "*Hamlet* (la fama monologo: 'Esti aŭ ne esti...') tradukitan de D-ro O. Liesche".[53] Do ankaŭ poezio nun rajtas aperi en Ido... se tradukita. Fine de la sama jaro, recenzante la 7an numeron de *Idano* (nova nomo de *Germana Ilisto*), li unuafoje eldiras laŭdon pri versa traduko en Ido: "*Apud la Weser* (kanzono kantita de S-ro Beiche en Cöthen). La traduko estas tre ĝusta: malofta kvalito en versa traduko!".[54]


Internaciona Socialisto

La 3a numero de la 3a jarserio (marto 1910) de la monata revuo *Internaciona Socialisto*.

Tamen originala poezio plu restas fremda al la rekomendoj kaj laŭdoj de Couturat. En la decembra numero de *Progreso*, "por distri"[55] la legantojn, li eĉ represis patosan esperantan himnon, ĉi tie reproduktitan faksimile, "kiun la 'fideluloj' kantas por varmigi sian entuziasmon",[56] laŭ la ario *Adeste fideles*:

---

[53] "Hamlet *(la famoza monologo: 'Esar o ne esar...') tradukita da Dº O. LIESCHE*" (Couturat 1909f: 306).

[54] "Apud la Weser *(ºkanzono kantita da Sº Beiche en Cöthen). La traduko esas tre korekta: rara qualeso en versala traduko!*" (Couturat 1909g: 566).

[55] Couturat 1909h: 624.

[56] "quan la 'fideluloj' kantas por varmigar sua entuziasmo" (samloke).

Ario « *Adeste fideles* ».

« 1. Ni restu fidelaj
Al la Fundamento;
Por nia kara lingvo staru ni!
Esperantistoj
Kune nun ni juru :
La lingvon ni konserv*u* (3 foje).
Vivu ghi!

2. Jen, forta voko
Iras tra la mondo
Al ghi respondu ni kun ghoja kri';
La nuna devo
Estas fideleco.
La lingvon k. c.

3. La shanghemulojn
Ni neniam timas
Ilin forlasu al la Anarhhi';
Unuigitaj
Iros ni antauen.
La lingvon ni konserv*os* (3 foje).
Vivu ghi! »

Mi ne sukcesis retrovi la fonton de tiu ĉi stranga komponaĵo. Verŝajne temas pri nekonata gazeto aŭ kluba bulteno...

La himnon sekvas jena sarkasma komento de Couturat: "Simile al la ebria heloto ĉe la antikvaj spartanoj, tiu himno de fideleco servu kiel avertilo kaj timigilo por tiuj, kiuj estus tentataj versi en Ido!".[57] Malgraŭ la avertoj de Couturat, la tiamaj idistoj ŝajne plu emis publikigi versojn, ĉar en 1910, en la marta numero de la fama revuo *Progresido* aperis, sub la titolo *Sat versi!*, jena "averto de la Redakcio, ke ĝi de nun akceptos neniujn poeziaĵojn"...[58]



Spartano montranta ebrian heloton al siaj filoj, laŭ pentraĵo (1900) de la franca artisto Fernand Sabatté (1874–1940). La helotoj estis unuj el la ŝtatsklavoj en antikva Sparto. Laŭ la greka historiisto Plutarko (ĉ. 45 – ĉ. 125), spartanoj devigis helotojn drinki puran vinon ĝis ebriiĝo kaj pelis ilin en publikajn halojn, por averte montri al la junularo, kiel kondutas ebriuloj. Puran vinon oni tiam opiniis danĝera, tial ordinare oni trinkis ĝin diluitan en akvo.

57 "*Simile a l'ebria Hiloto che l'antiqua Spartani, ta himno di la fideleso servez quale avertilo e pavorigilo a ti, qui esus tentata versifar en Ido!*" (Couturat 1909h: 624).

58 "*avizo di la Redaktistaro, ke ol de nun aceptos nula poeziaji*" (Couturat 1910a: 117).

Nu, samjare, en julio, *Progreso*, jam en sia numero 29a, unuafoje publikigas tekston, kiu klasifikeblas kiel literaturaĵo, kvankam ĝia fona temo ankoraŭ estas lingva: *Stranja sonjo*, de la dana lingvisto Otto Jespersen (1860–1943), satira rakonto pri kripligo de internaciaj radikoj.

Ankoraŭ en 1910, sed en oktobro, recenzante la verkon *Laika Deoservo*, kolekton de kantikoj en Ido, tradukitaj de H. Krenn, Couturat riproĉas la tradukinton pro "trouzo de la elizio, ne nur en la adjektivoj, sed en ĉiaj vortoj",[59] aldonas, ke "tio estas la kutima verka metodo de la esperantistaj 'poetoj' "[60] kaj finas per jena averto: "tiu ĉi verketo nur konfirmas nian ĝeneralan opinion: oni ne apliku la L.I. al poezio, ĉar oni tiel estas kondukata al 'licencoj', kiuj fatale difektus ĝin. Ni lasu al Esperanto la akrobataĵojn de la poetoj, kiuj dancas 'sur unu ŝnuro' ".[61]


Abram Kofman (1865–1924?), juda librotenisto ruslanda, verva poeto kaj belstila prozisto, kiu transiris de Esperanto al Ido kaj poste al Occidental. (foto el 1906)

Unu monaton poste, Couturat sciigis la legantojn de *Progreso* pri grava artikolo de Kofman, titolita *La literaturo en Ido*, aperinta en la

[59] "*ecesa trouzo* [tiel!] *di l'eliziono, ne nur en l'adjektivi, ma en omnaspeca vorti*" (Couturat 1910b: 439).
[60] "*to esas la kustumal moyeno di l'Esperantista 'poeti' por versifar*" (Couturat 1910b: 440).
[61] "*ica verketo nur konfirmas nia generala opiniono: on ne devas aplikar la L.I. a la poezio, nam on esas tale duktata a 'licenci', qui fatale koruptus ol. Ni lasez ad Esperanto l'akrobataji di la poeti, qui dansas 'sur un kordo*' " (samloke).

septembra numero de *La Belga Sonorilo,* en kiu la konata interlingvisto asertis i.a., ke “Nia lingvo, per sia konstanta disvolviĝo, fariĝas pli kaj pli riĉa, do pli kaj pli taŭga por literatura uzado. Ĝi povas ankaŭ krei multajn esprimojn, kiuj mankas al niaj naciaj lingvoj. Nia lingvo nepre havos sian literaturon, vole nevole”.[62] Couturat diskonigis ankaŭ, verŝajne konsente, la respondon de la belga oficiro Charles Lemaire (1863–1926), aperintan en la menciita gazeto: “Ni nule ‘malŝatas’ literaturon; ni diras nur, ke la L.I. ankoraŭ ne estas matura por literaturo. Oni devas ekzerci sin en ĝi, kaj longe elprovi ĝin mem, por regi ĝin perfekte. Ĝiaj ĉefaj kvalitoj nun estas klareco kaj precizeco: per tiaj kvalitoj estonte elstaros la internacia literaturo. Sed por tio necesas, ke ĉiu forĵetu siajn naciajn idiotismojn kaj akiru stilon vere internacian. Ni ne atencu la majstroverkojn de niaj literaturoj: ni preparu, poiome kaj nerapide, novan specon de literaturo”.[63] Do tiam ne nur Couturat estis rezerviĝema pri literatura agado en Ido...

---

[62] “*Nia linguo, per °sa konstanta °devlopo, divenas sempre plu richa, do sempre plu apta a literatural uzado. Ol povas anke krear multa expresuri, qui mankas a nia nacionala lingui. Nia linguo havos necese sua literaturo, vole nevole*” (vd. Couturat 1910c: 516).

[63] “*Ni nule ‘malprizas’ la literaturo; ni dicas nur, ke la L.I. ne ja esas matura por la literaturo. On devas exercar su en ol, ed exercar ol ipsa longe, por manuagar ol perfekte. °Sa chefa qualesi esas nun la klareso e precizeso: per ta qualesi ecelos future la literaturo internaciona. Ma por to, oportas ke singlu forjetez °sa nacional idiotismi ed aquirez stilo vere internaciona. Ni ne devas atentar la maestro-verki di nia literaturi: ni devas preparar, pokope e nerapide, °nuva speco di literaturo*” (samloke).

Tamen en aŭgusto 1911, konsciante, ke la ĉefaj lingvaj demandoj estas solvitaj kaj sentante, ke la malapero de *Progresido* en 1910 lasis plenigindan vakuon, Couturat decidas atenti la plendojn de legantoj kontraŭ la tro multa spaco dediĉata al lingvaj diskutoj en *Progreso* kaj anoncas, ke "de nun [...] ni enprenos artikolojn pri ĉiaspecaj temoj, se ili nur estos bone redaktitaj, seriozaj kaj interesaj por la plimulto de la legantoj [...]. Ni akceptos eĉ pure literaturajn pecojn (precipe tradukojn de bonaj aŭtoroj), sed nenian poeziaĵon, laŭ nia konstanta regulo, ofte pravigita".[64]

Tiom da avertoj kontraŭ versado en Ido ŝajne komencis efiki, ĉar recenzante la 12an numeron de *Idealisto*, aperintan en junio 1911, Couturat skribas jenon pri la poemo *Rospo* ("Bufo"): "bedaŭrinde oni prisilentis la nomon de la aŭtoro kaj de la tradukinto de tiu ĉi belega peco: la aŭtoro estas VICTOR HUGO. La tradukinto donas tre laŭdindan ekzemplon, uzinte prozon, kaj ne versojn, por traduki la poemon".[65] Kelkajn monatojn poste, en recenzo de numero de *La Langue Auxiliaire* aperinta en decembro 1911, kaj menciinte ĝian artikolon *Pri la poezio en*

[64] "*de nun* [...] *ni insertos artikli pri omnaspeca temi, se nur li esos bone redaktita, serioza ed interesiva por la maxim multa lektanti* [...]. *Ni aceptos mem pure literaturala peci (precipue traduki de bona autori), ma nula poeziajo, segun nia konstanta regulo, ofte justifikita*" (Couturat 1911a: 323).

[65] "*rigretinde on omisis la nomo di l'autoro e di la tradukinto di ca belega peco: l'autoro esas* VICTOR HUGO. *La tradukinto donas tre laudinda exemplo, uzinte prozo, e ne versi, por tradukar ta poemo*" (Couturat 1911b: 493).

*Ido*, de H. Devannes, Couturat citas jenajn "saĝajn konsilojn"[66] de L. de Beaufront el la sama gazeto: "La idistoj lasu la muzojn en profunda dormado, kiam ili ne vere kapablas fari akceptindajn versojn en sia propra lingvo... Ni ankaŭ kaj super ĉio konsilas ne profani en versoj la majstroverkojn de niaj lingvoj".[67]



Louis de Beaufront, post la morto de Couturat (1914), mildigis sian kontraŭstaron al originala Ido-poezio kaj mem "kulpis" kelkajn Ido-poemojn...

Nu, malgraŭ la anonco de Couturat en aŭgusto 1911, nur en novembro, en la 45a numero, kvazaŭ timide, aperis en *Progreso* la unua artikolo nelingva kaj neteknika, de L. de Pfaundler, sub la titolo *Pri la ludi generale e pri la ludo Go specale* (p. 508–510). Tamen la 48a numero, aperinta en februaro 1912, jam estas plena de tiaj artikoloj, preskaŭ ĉiuj tradukitaj: *Hemo por infirma infanti*, tradukita de W. J. Phoebus (p. 694–697), *L'observatorio di monto Wilson* (p. 698–699), *La rara teri* (p. 699–701), *Origino di la terpomo* (p. 702), tradukitaj de L. Couturat, *Shakespeare e shokanta vorti* (p. 703–704), de J. L. Moore, *Pri esar tro serioza* (p. 704-705), de Rudyard Kipling, tradukita de L. de G(uesnet). En la sekva numero (marto 1912), la nombron da paĝoj dediĉitaj nur al lingvaj demandoj (12) jam klare superas la kvanto da paĝoj kun literaturaj tekstoj

---

[66] "*saja konsili*" (vd. Couturat 1912a: 728).

[67] "*L' Idisti lasez la muzi en profunda dormado, kande li ne esas vere kapabla facar aceptinda versi en sua propra linguo... Ni anke e super omno konsilas, ne profanacar en versi la maestrala verki di nia lingui*" (samloke).

kaj artikoloj pri ĝeneralaj temoj (23), inter kiuj elstaras 9-paĝa originala kontribuaĵo de Ignaz Hermann, sub la titolo *Protekto di l' infanti kontre tuberkloso* (p. 1–9), kaj tia tendenco ne haltos ĝis la fino de la unua etapo de *Progreso* (1914).

Tamen Couturat kaptis ĉian okazon por insisti pri sia opinio pri poezia tradukado en Ido. Recenzante la trian numeron de *Laboro* (dulingva gazeto eldonata en Madrido inter 1911 kaj 1914), li jene komentas la tradukitan poemon *La tri rozi*, de la franca poeto, dramaturgo kaj romanisto François Coppée (1842–1908): "ni konsilas ĝenerale, ke oni detenu sin de tiaj provoj traduki versojn per versoj: oni estas devigata uzi multajn eliziojn *nepermesitajn*, kiuj povas nur skandali la novicojn kaj erarigi la adeptojn. Antaŭ ol, aŭ anstataŭ kultivi poezion, oni kultivu la plej puran kaj ĝustan Idon!".[68]

Fine de 1912, io eksterordinara okazas: en la originala artikolo *Abbazia, perlo dil Adriatiko*, de Ignaz Hermann, aperas Ido-traduko de 18-versa poemo de la fama germana poeto kaj eseisto Heinrich Heine.[69] Jen do, poezio finfine eknestas en *Progreso*! Tamen, en la sama numero, per piednoto sub *La lasta voyajo di Ulises*, el la *Infero* de Dante (XXVI, 90–143), en proza traduko de H. L. Koopman, Couturat klarigas, ke "Kvankam ni

[68] "*ni konsilas generale abstenar de tala probi di tradukar versi per versi: on koaktesas uzar multa elizioni* ne-permisata*, qui povas nur skandalar la novici ed erorigar la adepti. Ante o vice kultivar la poezio, on kultivez maxim pura e korekta Ido!*" (Couturat 1912b: 48).

[69] vd. Hermann 1912: 547–548.

ne rekomendas nek ŝatas la tradukojn de poeziaj verkoj, pro motivoj jam ofte prezentitaj, tamen ni esceptokaze enmetas tiun ĉi pecon kaj konsilas al niaj legantoj kompari ĝin kun la originala teksto, por konstati, kiel fidela kaj ekzakta estas la traduko. Tio ĉi pruvos, ke, se ni forĵetas la literaturajn kaj poeziajn aplikojn de nia lingvo, la kialo neniel estas la nekapablo de la lingvo mem".[70]



Heinrich Heine (1797–1856) estas unu el la unuaj poetoj tradukitaj en Esperanto — de Zamenhof en Lingvo Universala (1881) kaj en la *Dua Libro* (1888) kaj de E. de Wahl en *La Esperantisto* (1889) — kaj la unua tradukita en *Progreso* (1912).

Jam en 1913, recenzante la trian numeron de la tria jarserio de *Idealisto*, Couturat plendas, ke la gazeto "estas ĉi-foje inundita per poeziaĵoj de kelkaj eminentaj samideanoj. Tio estas bedaŭrinda simptomo, ĉar tio estas forgeso de la ĉefa kaj esenca celo de la L.I. *helpanta*".[71] Couturat tuj citas la aŭtorojn de tiuj tradukoj, kiuj sentis la bezonon pravigi sian aŭdacon ("kvankam ni devas apliki kaj disvolvi nian lingvon en

[70] "*Quankam ni ne rekomendas nek prizas la traduki di poeziala verki, pro motivi ja ofte expozita, ni insertas eceptale ca peco, e konsilas a nia lekteri komparar ol a l' originala texto, por konstatar, quante fidela ed exakta esas la traduko. Ico pruvos, ke, se ni repulsas la literatural e poeziala apliki di nia linguo, la motivo nule esas la nekapableso di la linguo ipsa*" (vd. Koopman 1912: 554).

[71] "*esas icafoye inundita per poeziaji da kelka eminenta samideani. To esas regretinda simptomo, nam to esas oblivio di la chefa ed esencala skopo di la L.I.* helpanta" (Couturat 1913a: 706).

la kampo de scienco kaj de la praktika vivo, prefere ol komponi poeziaĵojn...” [72]; “Mi scias, ke la L. I. estas prefere destinata por scienco, komerco kaj tekniko, kaj ke ĝi estas la lingvo de la intelekto kaj ne la lingvo de la koro kaj sento kaj ne povas servi poezion”)[73] kaj demandas “Bone! Kial do versi en Ido? [...] Oni argumentas, ke la L. I. devas traduki literaturaĵojn kaj eĉ poeziaĵojn. Jes! sed traduku ilin *en prozo*, tiel vi malpli ‘perfidos’ ilin. Pripensu, ke *en neniu lingvo* oni povas traduki *versojn per versoj*: kiu tolerus aŭ eĉ imagus traduki Victor Hugo en anglaj aŭ germanaj versoj? En ĉiu poeziaĵo la formo estas nedisigebla de la materio, ĝi estas ‘netuŝebla’: oni kontentigu sin tradukante la materion, t.e. la nudan sencon, kaj pro tio en ĉiuj lingvoj oni tradukas poemojn en prozo. Malbona rimedo, sed la sola rimedo transmeti almenaŭ la penson!”.[74]

---

[72] “*quankam ni devas aplikar e developar nia linguo en la domeno di la cienco e di la praktikala vivo prefere kam kompozar poeziaji...*” (vd. Couturat 1913a: 706).

[73] “*Me savas, ke la L. I. esas prefere destinata por la cienco, komerco e tekniko, e ke ol esas la linguo dil intelekto e ne la linguo di la kordio e sentimento, e ne povas servar la poezio*” (samloke).

[74] “*Bone! ma lore pro quo versifar en Ido?* [...] *On alegas, ke la L. I. devas tradukar literaturaji e mem poeziaji. Yes! ma tradukez li* en prozo*, tale vi min multe ‘trahizos’ li. Reflektez, ke* en nula linguo *on povas tradukar* versi per versi*: qua tolerus o mem imaginus tradukar Victor Hugo en angla o germana versi? En omna poeziajo la formo esas neseparebla de la materio, ol esas ‘ºnetuchebla’: on devas saciesar per tradukar la materio, t.e. la nuda senco, e pro to en omna lingui on tradukas poemi en prozo. Mala moyeno, ma sola moyeno transmisar adminime la penso!*” (Couturat 1913a: 706).

Couturat mistrafis neniun okazon por admoni la versemulojn, sed ilin ŝajne ne detenis liaj konstantaj avertoj. Jam meze de 1913, ekzemple, recenzante la februaran numeron de *La langue auxiliaire*, li jene komentas la artikolon *Kelka remarki pri la poezio en Ido*, de H. Devannes: "oni devas antaŭ ĉio obei la gramatikon, ekz. ne fari arbitre eliziojn nepermesitajn (ĉe la substantivoj)".[75]

Tamen Couturat ne ĉiam estis tiel severa rilate poeziajn tradukojn. Ekzemple, fine de 1913, recenzante la oktobran numeron de *Anuncilo di l'U.S.I.* (t.e. Uniono Sacerdotal Idista), li jene komentis la biblian poemon *Yob*, tradukitan de L. de Beaufront el la hebrea: "traduko ekstreme interesa, kiu redonas admirinde la koloron kaj la saporon de la originalo".[76] Jam en 1914, en recenzo de pluraj numeroj de *Correio do Povo*, portugallingva gazeto plu eldonata en Porto Alegre (Brazilo), en kiu aperis longa serio da artikoloj "pri kaj por Ido", verkitaj de la ĉeĥo F. V. Lorenz, ekloĝinta en Brazilo en 1893, Couturat, menciante la numeron eldonitan la 31an de oktobro de 1913, informas, ke "Por pruvi la harmonion kaj literaturan kapablon de nia lingvo, la aŭtoro tradukis poeziaĵon: *Mea ok yari*. Kvankam ni ne ŝatas tiajn ekzercojn, ni devas agnoski, ke tiu ĉi peco estas

[75] "*on devas ante omno obediar la gramatiko, ex. ne facar arbitrie elizioni nepermisita (en la substantivi)*" (Couturat 1913b: 257).

[76] "*tradukuro extreme interesanta, qua riproduktas admirinde la koloro e saporo dil originalo*" (Couturat 1913c: 554). Temas pri poemo 52-versa, en kies traduko Beaufront faris nur 9 eliziojn (3 ĉe la artikolo kaj 9 ĉe adjektivoj (vd. Beaufront 1924: 34–36).



Francisko Valdomiro Lorenz (1872–1957), Ido-pioniro en Brazilo, estis eksterordinara poligloto kaj poligrafo kaj multfaceta homo (terkultivisto, tradukisto, leksikografo, instruisto, publicisto, interlingvisto, okultisto, spiritualisto kaj mediumo).

pli bona ol la plimulto de la produktaĵoj de la esperantistaj 'poetoj' ".[77] Krome, Couturat eĉ aldonis en piednoto unu el la sep strofoj de tiu traduko! Jen ĝi:

*Cielo di mea printempo,*
*Ho vi, dii dil yuneso!*
*La ridetoza dolceso*
*Ne plus retrovenos, ve!*
*Ne konocante chagreni,*
*Me havis joyi sen fino,*
*Men kisadis la fratino,*
*La matro karezis me.*[78]

Parenteze mi aldonu, ke F. V. Lorenz estis unue volapukisto, poste transiris al Esperanto, poste al Ido, dum kelkaj jaroj iom zigzagis inter la du kuzaj lingvoj, dume elpensis propran projekton (Mundial, 1930) kaj kunlaboris kun René de Saussure (1868–1943) por lia projekto Nov-Esperanto, kaj fine

---

[77] "*Por pruvar la harmonio e literaturala kapableso di nia linguo, l'autoro tradukis poeziajo:* Mea ok yari. *Quankam ni ne prizas tala exerci, ni devas agnoskar, ke ca peco esas plu bona kam la maxim multa produkturi dil Esp-tista 'poeti'* " (Couturat 1914a: 125).

[78] (samloke). Mia traduko: "Ĉielo de mia printempo, / Ho vi, tagoj de l' juneco! / La ridetanta dolĉeco / Ne plu revenos, ho ve! / Ne suferante ĉagrenojn, / Mi havis ĝojojn sen fin', / Min kisadis la fratin', / Min karesis la patrin'."

revenis al klasika Esperanto.[79] Je 1931-11-10 F. V. Lorenz sendis leteron en Ido al S.I.B. (Societo Idista Braziliana), kies tutan enhavon mi citas ĉi tie, ĉar temas pri rara dokumento apenaŭ konata, kiu montras i.a., ke lia itinero inter la diversaj planlingvoj, same kiel tiu de Kofman, estis pli kompleksa ol oni kutime supozas. Ĝi montras ankaŭ, ke F. V. Lorenz denove interesiĝis pri Ido antaŭ ol reveni definitive al Esperanto. Jen la teksto en Esperanto-traduko: "Estimataj samideanoj! / Mi ricevis vian cirkuleron kaj mi aliĝas al S.I.B. Mi deziras ricevi informojn pri la nuna Ido-movado en la mondo. Mi estas aŭtoro de la unua gramatiko kaj vortareto de Ido en la portugala lingvo, publikigita en 1913. Poste mi forlasis Idon pro la atakoj faritaj kontraŭ Zamenhof; tiam mi eksperimentis diversajn reformojn kaj sistemojn, ĉar mi pensis, ke Ido, kiun forlasis Jespersen kaj aliaj, ne estos vivkapabla; lastjare mi aliĝis al Nov-Esperanto, sed nun mi agnoskas, ke Ido estas pli facila, kaj se en ĝi oni faras malgrandan ŝanĝon, ĝi povos esti konsiderata la definitiva solvo de la problemo de la Lingvo Internacia. / Sincerajn salutojn".[80]

---

[79] vd. Mařík 1998: 187–188.

[80] "*Estimata samideani! / Me recevis via cirkulero e me adheras la S.I.B. Me deziras recevar informi pri la nuna Ido-movado en la mondo. Me es la autoro dil unesma gramatiko e vortareto di Ido en Portugalana linguo, publikigita en 1913. Pose me livis Ido pro la ataki facita kontre Zamenhof, lore me experimentis diversa reformi e sistemi, nam me pensis ke Ido, livita da Jespersen ed altri, ne havus vivo-kapableso; lastayare me adheris a Nov-Esperanto; ma nun me agnoskas, ke Ido es plu facila, e se en ol on facas mikra chanjo, ol povos konsideresar kom la definitiva solvo*

Meze de 1914, recenzante la aprilan numeron de *Die Weltsprache*, Couturat mencias la poemon *Lo deala*, de Goeto, tradukitan de O. Jespersen dediĉe al W. Ostwald kaj komentas: "la tri nomoj, kiuj akompanas tiun ĉi tradukon (ne en versoj) sufiĉas por rekomendi ĝin al ĉiuj Idistoj".[81] Nu, mi ne povis konsulti tiun malnovan gazeton, sed feliĉe mi havis aliron al pli malfrua Ido-periodaĵo, kiu en 1962 represis tiun tradukon, kune kun esperanta versio de Emilio Pfeffer, en paralelaj kolumnoj,[82] kaj tiel mi sciiĝis, ke la tradukon de *Das Göttliche* Jespersen faris okaze de vizito de Ostwald en Kopenhago en februaro de 1914. Krome mi konstatis, ke la traduko de Jespersen, bela, tre fidela kaj senrima (kiel la originalo), estas ja versa, ne nur tipografie, sed ankaŭ poetike, do mi tute ne komprenas, kial Couturat nomis ĝin neversa. Baldaŭ poste, en la aŭgusta numero de *Progreso*, recenzante la majan numeron de *Mondo*, li mencias sen ajna komento la "poemeton" *Suedia*, "de S. L."[83] (temas pri Sten Liljedahl).



Otto Jespersen (1860–1943), dana lingvisto, bele idigis poemon de Goeto (1914).

*dil problemo di la Linguo Internaciona. / Sincera saluti*" (Lorenz 1932: 10).

[81] "*la tri nomi qui akompanas ica tradukuro (ne en versi) suficas por rekomendar ol ad omna Idisti*" (Couturat 1914b: 309).

[82] vd. Jespersen 1914: 3–4.

[83] Couturat 1914c: 436.

Ĝi estis probable la lasta Ido-poemo, kiun Couturat legis, ĉar la 3an de aŭgusto de 1914, en la dua tago de la ĝenerala mobilizo por la unua mondmilito, tiun strebeman pacifiston trafis mortiga akcidento sur la ŝoseo de Ris-Orangis al Melun, kiam lia aŭtomobilo, stirata de li mem, kunpuŝiĝis kun pli peza veturilo, stirata de militistoj, kiuj portis mobiliz-ordonojn.[84] Tiam la aŭgusta numero de *Progreso* ne estis ankoraŭ presita kaj dissendita. Laŭ fidinda fonto, en junio de 1919 ĝi ankoraŭ ne estis dissendita.[85] Tio ŝajne okazis nur fine de la sekva jaro, ĉar ekzistas ekzemplero, aparteninta al H. D. Akerman, sur kiu estas krajone skribite *This nº issued Oct. 1920*.[86]



Tombo de Louis Couturat, en la vilaĝo Laroche Saint Cydroine (departemento Yonne, Burgonjo-Franĉkonteo, Francio), malkovrita de Gaël Richard en 2014. Temas pri la naskiĝvilaĝo de lia patro, Joseph-Alexandre Couturat (n. 1828), kaj ankaŭ de lia patra avo, Laurent Noel Couturat (n. 1792). La tombo (kiun Couturat aĉetis je 1911-08-01) situas en la malnova parto de la tombejo kaj havas la numeron 18.

Tiel finiĝis la unua epoko de *Progreso*: sep volumoj, 80 numeroj, 4.891 paĝoj[87] sub la senlaca kaj kompetenta (kaj ofte polemika...) redakto de Couturat. La

[84] vd. Lalande 1915: 3.
[85] vd. Talmey 1919: 53.
[86] vd. Juste 1994a: 8.
[87] "pli ol 5.000 paĝoj" [*plu kam 5.000 pagini*], laŭ Juste (1994a: 6): akceptebla cifero, se oni enkalkulas la multajn apendicojn, ankaŭ redaktitajn de Couturat. Laŭ Juste (1998: 16), la 80 numerojn de *Progreso* Couturat publikigis "proprakoste" [*propraspense*].

Ido-movado, tiam kreskanta kaj fortikiĝanta, suferis doloran baton, ne nur pro la morto de Couturat, sed ankaŭ pro la unua mondmilito, kiu i.a. devigis la idistojn nuligi sian unuan kongreson, kiu estis okazonta inter la 6a kaj la 8a de septembro en Luksemburgo.[88]

Laŭ la antaŭaj citaĵoj oni povas konstati, ke la rezerviĝemo aŭ eĉ eksplicita kontraŭstaro de Couturat rilate poezian tradukadon kaj, precipe, originalan poezian verkadon en Ido fontis ne el malŝato pri literaturo ĝenerale aŭ pri poezio aparte, nek el suspekto pri supozebla nesufiĉeco ĉi-kampa de la nova lingvo, sed ĉefe el timo pri eventuala noca efiko de poeziaj licencoj sur la kompreneblecon kaj 'purecon' de la lingvo kaj pri malfavora bildo de la movado en sciencistaj rondoj. Li ŝajne tro strikte asociis poetojn kaj poemverkadon al himnoj, kantoj kaj flagsvingado, do ĝuste al tiu aspekto de esperantismo, kiu lin pleje forpuŝis: la verda folkloro, grava minaco, laŭ li, por la prestiĝo de la Lingvo Internacia.

[88] vd. *Progreso* VII, p. 383.

## 4. Ido-poezio post Couturat

Mortinte en aŭgusto, Couturat jam ne ekvidis la aperon, en novembro de 1914,[89] de la unua libroforma poezia Ido-verko: modesta broŝuro, nur 8-paĝa, sub la titolo *Idala poezio*, de la sveda dentisto Sten Liljedahl (1871–1924).[90] Temas pri 10 poemoj, el kiuj nur du estas originalaj: *Suedia* (antaŭe aperinta en *Progreso*, do legita de Couturat) kaj *Titanic*. La ceteraj estas tradukoj: ses el la sveda kaj po unu el la dana kaj itala. La aŭtoro, verŝajne konsciante sian pionirecon, sur la titolpaĝo nomis la poemojn *Probi* ("Provoj").



Sten Liljedahl (stare) kaj Ignaz Hermann, aŭtoroj de la du unuaj libroformaj poeziaj verkoj en Ido (Graz, 1922).

Kvar jarojn poste, en 1918, aperis la dua libroforma poezia Ido-verko, sub la titolo *Kordio-soni*, de Ignaz Hermann, "la poeto de la kompato",[91] tre kurioza figuro de la interlingvistika movado: naskita en malriĉa slovena familio, kuracisto en la aŭstria armeo, eksvolapukisto (li ĉeestis la duan volapukan

---

[89] La verko portas eĉ precizan daton sur la titolpaĝo: "LA 21 NOV. 1914".

[90] Vivodatoj laŭ *Universala Kalendario 1931–1931*, Oficala Yarlibro di ULI, 6-a yaro, p. 73.

[91] "*la poeto dil kompato*", laŭ Juste 1994b: 19 (kie mi ĉerpis ĉiujn biografiajn detalojn pri I. Hermann, escepte de tiuj pri lia volapuka agado kaj pri liaj kontribuoj en *Progreso*).



**A mea amoratino**

Segun Heinrich Heine
(Du hast Diamanten und Perlen)

Tu hav diamanti e perli,
E havas ya mem — sen flatar
La maxim bel okuli —
Quon pluse tu volas havar?

Pro tua bel okuli
Me penis kompozar
Amaso de bona kansoni —
Quon pluse tu volas havar?

Per tua bel okuli
Tu amis men tormentar,
E men tu ya tote ruinis —
Quon pluse tu volas havar?

Poŝtkarto kun Ido-traduko de poemo de Heinrich Heine (1920).

kongreson, en Munkeno, en 1887,[92] kaj verkis tri librojn en Volapuko[93]), poiome kripliĝinta pro grava falo en hospitalo,[94] li fariĝis idisto jam 62-jara kaj tamen ludis konsiderindan rolon en la Ido-movado dum 16 jaroj, i.a. per tre saĝaj kontribuoj en *Progreso*, kiuj helpis la disvolviĝon kaj pliprecizigon de la vortostoko de la nova lingvo.

Dum la 20aj jaroj aperis ses originalaj poemaroj (kelkaj el ili enhavantaj ankaŭ tradukitajn aŭ adaptitajn pecojn), de Arthur Schiffmann (*Kansoni*, 1926), Gilbert Richardson (*Flugo*, 1927; *Spaco e tempo*, 1928, 2a eld. 1929) kaj Tom Sweetlove (*Koro-kanti e kansoni en Ido*, 1927; *Probo-flugi sur Pegazo*, 1928; *Al modern yunino*, 1928). Menciindas ankaŭ la libroformaj poeziaj aŭ teatraj verkoj

[92] vd. *Progreso* II, p. 565.

[93] *Magabs kil se popakanits koazäno-serbänik* ("Tri perloj el popolkanzonoj kroatoserbaj"), Zagrebo, 1886, 35 p.; *Sonetas festun volapükik* ("Sonetgirlando Volapuka"), 1890, 16 p.; *Koyulot ela Catilina. Fa Caius Sallustius Cripus. Pelovepolöl se latinapük in vpi fa Hermann Arminius* ("La konspiro de Katilino, de Kajo Salustio Kripo, tradukita de la Latina al Volapuko de Hermann Arminius [= Ignaz Hermann]"), 1890, Munkeno, 80 p. (vd. Haupenthal 1982: 30, 64).

[94] Ne hazarde li verkis kontribuon (vd. *Progreso* V, p. 157), en kiu li pliprecizigas la signifon de *kripla* ("perdinta membron"), zorge distingante ĝin de *infirma* "nekapabla uzi membron").

tradukitaj de J. Houillon (*Polyeuktos martiro*, de Corneille, 1926; *Kelka poemi Franca*, 1927), Jean Guignon (*Esther*, de Racine, 1927) kaj Jules Gross (*Alpi-Rozi. Legendi e poemi*, 1928) kaj la bibliaj tradukoj de Linus Kauling (*Libro dil Proverbi*, 1923) kaj Gross (*Psalmaro*, 5 volumoj, kun notoj, 229 paĝoj entute, 1921–1927). Ankaŭ gravaj por poetoj estas la *Rimaro* de Guignon (1928) kaj verketo de Richardson pri poetiko (*Versification in the I.L.*, 1928).

Ŝajnas do, ke tiam la idistaj poetoj jam definitive forgesis la deadmonojn de Couturat sur la paĝoj de *Progreso*. Tamen, en 1924, precize dek jarojn post la forpaso de la franca filozofo, Josef Weisbart (1887–1946), germana eks-idisto kaj aŭtoro de pluraj planlingvaj projektoj (Unial, Europal,[95] Mondlingvo, Medial, i.a.) — kiu, kvankam konsiderante sin *neinstruktito* ("neklerulo"), spertis pri instruado de



Josef Weisbart, germana eks-idisto, aŭtoro de pluraj planlingvaj projektoj.

[95] Lian verkon, nur 16-paĝan, *Europal, kurze Grammatik und Begründung* Couturat draŝis en detala recenzo (vd. Couturat 1913a: 701–703), al kiu Weisbart reagis per detala repliko en Europal, kiun Couturat, kun sia ŝatata mempravigo ("por resti fidela al nia kutima liberaleco" [*por restar fidela a nia kustumala liberaleso*]), senŝanĝe publikigis kun aldona mallonga komento (vd. Weisbart 1913: 109–111).

Esperanto kaj Ido al laboristoj[96] kaj kiel unua, en la gazeto *Internaciona Socialisto*, ekuzis en Ido la neologismojn *darfar* ("rajti") kaj *mustar* ("nepre devi"),[97] kiuj poste plaĉos al Piĉ[98] (kaj la unua eĉ al Baghy kaj Bulthuis...)[99] — ankoraŭ aŭdacis skribi, ke "Estis la malfeliĉo de Ido, ke ĝi tro frue havis kelkajn adeptojn, kelkan literaturon, kelkajn eldonistajn interesojn"![100]

---

96 vd. Weisbart 1909: 134.

97 vd. Couturat 1909a: 570.

98 La sinteno de Karolo Piĉ (1920–1995) rilate Idon estas kompleksa kaj memkontraŭdira. Unue li konfesis, ke sur lia skribotablo kuŝis "Lernolibroj de Ido, Esperantido, Occidental kaj Intal" (Piĉ 1989: 7) kaj li ekuzis amason da 'idismoj' (ne nur *darfi* kaj *musti*, sed i.a. ankaŭ *diferi*, *doci*, *dukti*, *egardi*, *erst*, *hik*, *kom*, *koram*, *labio*, *lakrimo*, *ma*, *malado*, *minima*, *nam*, *nihilo*, *olim*, *pikti*, *rapti*, *reda*, *sempre*, *silvo*, *skreno*, *tekto*, *tomo*, *vehi*, *vers*, la sufiksojn -*atr*, -*e*, -*ed*, -*if*, -*oz*, la prefikson *par*-), sed poste li jene draŝis Idon: "La ŝajnaj 'plibonigoj' de Ido, kontraŭe, estas sendiskutaj paŝoj retren. Ido ne estas 'plibonigita Esperanto', kiel ĝi sin ŝatas nomi, sed nur la unua mejloŝtono sur la longa, eraroza vojo, kondukanta nenien" (Piĉ 1995: 23). Tamen veras ankaŭ, ke multajn el la supre menciitaj 'idismoj' oni povus same prave nomi latinismoj, francismoj, italismoj, hispanismoj aŭ eĉ germanismoj kaj anglismoj...

99 Ankaŭ Julio Baghy (1891–1967), malgraŭ sia malŝato al Ido, deduktebla el lia satira poemo *Ĉu Ido aŭ Poliglot? — Ne! Desperanto* (en *Literatura Mondo* 1933, januaro, p. 14), uzis la verbon *darfi* en sia romano *Hura!* (1930, p. 88), imitante la ekzemplon de Hendrik Bulthuis (1865–1945), kiu uzis la saman vorton en sia traduko *La leono de Flandrujo* (1929, p. 165).

100 "*Esis la desfortuno di Ido, ke ol tro frue havis kelka adheranti, kelka literaturo, kelka editista interesti*" (Weisbart 1924: 12). Estas kurioze, ke tiun ĉi kritikan artikolon Weisbart verkis ne en unu el siaj planlingvaj projektoj, sed en Ido...

Tamen la lanĉo de Occidental (1922) kaj Novial (1928) forte ŝancelis la Ido-movadon, ĉar multaj eminentaj idistoj ne nur transiris al tiuj du novaj planlingvoj, sed ankaŭ komencis, en siaj gazetoj, agitadi kontraŭ Ido, en kiu ili vidis rivalon pli facile atingeblan kaj vundeblan ol Esperanto. Tia kontraŭstaro iom bremsis ankaŭ la literaturan elanon de Ido. En la sekvaj tri jardekoj, el la antaŭe menciitaj poetoj, nur Richardson plu aperigis libroforme originalajn Ido-poemarojn (*Naturo ed arto*, 1934; *Fakti e fantaziuri*, 1936; *Deliberado e revado*, 1938), al kiuj li aldonis studojn pri poetiko (*Metro e muziko. Esayo pri la rapsodi-arto*, 1932; *Ulo pri poezio*, 1946). Menciindas ankaŭ la 100-paĝa libro *Populkansoni* (1932), de Schiffmann k.a.[101] kaj *Poemoj da Omar Kayyam*, en bela 64-paĝa traduko de Hans Brismark (1951). Tamen multaj poetoj publikigis disajn poemojn, originalajn kaj tradukitajn, en diversaj gazetoj, eĉ en *Progreso*, kiu, reaperinte en 1931, tuj malfermis siajn pordojn al la liro de la idistoj. Sweetlove, per sia originala poemo *Matinal*



La germano Ilmari Federn (1910–1995) verkis originalajn poemojn (en *Universala Kalendario* 1929, 1930) kaj fervore batalis kontraŭ Occidental sed poste transiris al la lingvo de E. de Wahl kaj same fervore batalis kontraŭ Ido... Lia unua kontribuo en *Cosmoglotta* datumas de 1934. Temas pri elgermanigo de poemo de lia patrino, Helene Elisabeth Schwartz (Federn) (1876–1955), kiu pro sia amo al la finnaj kulturo kaj literaturo donis al sia filo la nomon *Ilmari* (mallongigon de *Ilmarinen*, nomo de mitologia figuro rolanta en *Kalevala*).

101 Federn, Gross, Henry, Lehnigk, Meier-Heucké, Peus, Schwarz, Sweetlove, Weferling (laŭ *Mikra Buletino* 9. 1932: 3 (101), p. 48–49).

*kansono,*[102] inaŭguris novan eraon en la plej grava Ido-gazeto, sed multaj aliaj sekvis lian ekzemplon en la postaj numeroj, kaj tia tendenco ne haltis ĝis nun.

En la 60aj jaroj la Ido-movadon ekskuas la eksterordinara figuro de la belga advokato Andreas Juste (1918–1998), "la Kalocsay de Ido",[103] kiu brilos dum tri jardekoj kaj fondos la modernan Ido-poezion, ne nur per la publikigo de 18 (!) originalaj poemaroj[104] kaj du ampleksaj kolektoj da poemoj tradukitaj el pluraj lingvoj (*Bunta garbo*, 1978; *Voci di saji*, 1982), sed ankaŭ per multegaj artikoloj kaj studoj publikigitaj en *Progreso* kaj aliaj Ido-periodaĵoj. Tamen la literatura agado de Juste estis ne nur verka, sed ankaŭ diskoniga. En 1961 li komencis kolekti la fruktojn de siaj antaŭuloj, kun la helpo de pluraj idistoj, kiuj donacis al li "malnovajn revuojn, librojn aŭ eĉ manuskriptojn de


Andreas Juste, la plej elstara Ido-verkisto ĝisnuna.

---

[102] *Progreso* 8. 1931: 81(1). p. 21.

[103] Carlevaro 1982: 3. Pri Juste la sama aŭtoro verkis pliajn studojn, ne nur en Esperanto (1999), sed ankaŭ en Ido (1994; 1998). Pli freŝdate, ankaŭ Rodríguez Hernández (2018) interese analizis plurajn aspektojn pri la verkado de Juste.

[104] *Soneti*, 1963; *A Couturat*, 1966; *Pri tolero*, 1971; *Epistolo V*, 1972; *La serchado*, 1972); *La fabli dil Olda Korvo*, 1973; *Epistolo sisesma*, 1973; *Epistolo sepesma. Pri l'idista poeti* (II), 1974); *De divers instanti*, 1974; *Epistolo IX. Pri nia nuna jorni*, 1976; *Kontre la poluteri*, 1978; *Vitra perli*, 1978; *Fabli di la pigo*, 1983; *Nova fabli*, 1983; *La jaro* 1984; *La renkontro*, 1985; *L'amforo*, 1987; *Epigrami*, 1993.

verkoj neniam publikigitaj".[105] La rezulto de tiu pacienca laborado kompila, kribra kaj analiza estas duvoluma *Antologio dil Idolinguo* (1973, 1979), en kiu la Ido-poetoj okupas konsiderindan parton. Juste konsciis sian elstarecon kaj unikecon en la panoramo de la Ido-poezio, sed li ankaŭ agnoskis la gravecon de siaj antaŭuloj: sian ĉefverkon *La serchado* (1972), la plej longan ĝisnunan poemon en Ido,[106] li ja dediĉis "Al ĉiuj poetoj tre karaj / Al ĉiuj, kiuj / Por siaj kantoj / Elektis la lingvon sonoran / kaj klaran kiel pura kristalo",[107] kaj li eĉ menciis la 26 nomojn de la kolegoj, kiuj per siaj verkoj "preparis ebenan vojon por la bardo".[108]

Dum la 'Juste-erao' aperis libroforme nur unu originala poemaro aliaŭtora, nome *Galimatiaso* (1988, 2a eld. 1997), de la germanino Heidi Neussner (n. 1929).

---

[105] "*anciena revui, libri o mem manuskripti di verki nultempe publisita*" (Juste 1973: vii).

[106] 3037 versoj, do preskaŭ duoble pli longa ol *La infana raso* de Auld (1560 versoj), sed pli ol duoble pli mallonga ol *Poemo de Utnoa* de Montagut (7095 versoj).

[107] "*Ad omna poeti tre kar* / *A tanti quanti* / *Por sua kanti* / *Selektis la linguo sonora* / *E klara quale pur kristalo*" (Juste 1972: i).

[108] "*Preparis plana voyo por la bardo*" (samloke). Jen la 26 nomoj: H. Devannes, I. Hermann, S. Liljedahl, A. Verzan, G. Löfvenmark, O. Legrand, L. de Beaufront, G. Vallaeys, R. Nakhla, J. Houillon, P. Marcilla, A. Schiffmann, J. Guignon, J. Gross, P. Lehnigk, W. Schwarz, I. Federn, P.V. Dimitriev, J. Csatkai, V. Sprogis, E. Ambros, S. Quarfood, G. Richardson, T. Sweetlove, H. Brismark, L. Pascau.

Alia grava figuro, samtempa kiel Juste, estis la franco Louis Pascau (1913–1983), kiu ekde 1969 grave kontribuis en *Progreso* kaj aliaj Ido-gazetoj per rakontoj, poemoj originalaj kaj tradukitaj, kaj elstaris per sia stilo flua kaj sprita. Tamen libroforme li aperigis nur unu tradukon, nome *Enoch Arden*, de Tennyson (1978), kiu fariĝis la dua plej longa poemo en Ido.[109] Krome, kunlabore kun Tazio Carlavaro (n. 1945), svisa psikiatro kaj poliglota interlingvisto, kiu en 1957 " — tiam 12-jara — lernis unue Idon kaj nelonge poste Esperanton",[110] li aperigis malgrandan antologion, sub la titolo *Modern Ido-poeti* (1981, 2a eld. 2019), kiu enhavas originalajn poemojn de 11 poetoj, 7 el kiuj ne sidas en la 26-noma listo antaŭe menciita.[111] Inter ĉi lastaj, troviĝas unuafoje ekstereŭropano, nome la japano Sato Kozi (n. 1926), kaj virino, nome la latvino Ausma Pormale (1939–1979), kiu aŭtoris ses poemarojn en la latva, el kiuj du publikiĝis nur postmorte.[112] En 1965 ŝi verkis kuriozan poemeton, titolitan *Ido*



Tazio Carlevaro, la plej grava diskoniganto de la Ido-literaturo.

[109] 1118 versoj.

[110] Carlevaro 1977: 4.

[111] Jen la 11 nomoj: A. Juste, H. Brismark, Sato Kozi, B. Aaronov, M. Więchowski, N. Gaponenko, M. Bouts, V. Sprogis, A. Pormale, L. Pascau, A. Rylander.

[112] *Atveru logu* ("Malfermas mi fenestron", 1966), *Izturība* ("Eltenemo", 1969), *Zem kokiem klausīties* ("Sub arboj aŭskulti", 1973), *Tāls tāls tāds spožums* ("Fora, fora, tia brilo", 1977,

— *filiino di Esperanto* (ne aperantan en la menciita antologio), el kiu mi ĉerpas ĉi tien la du unuajn strofojn:

*Me salutas Esperanto*
*qua naskis per tormento*
*en Varshava.*

*Me estimas Esperanto*
*qua en Paris*
*parturis filiino — belino.*
*Elua nomo es — Ido!* [113]



Ausma Pormale, latva poetino, la sola virino en la antologio *Modern Ido-poeti* (1981).

## 5. Ido-poezio post Andreas Juste

La morto de Juste en 1998 ne paralizis la Ido-pegazon, kvankam, kiel espereble, ĝia flugado fariĝis malpli intensa. El la antaŭa epoko transiris ĉefe du poetoj, ambaŭ germanaj: H. Neussner, kiu libroforme aperigis du pliajn poemarojn, ĉi-foje kolektojn da hajkoj (*Pasema Instanti* 2000, *Haiku-atra*

---

*Zvaigžņukrusts* (“Stelkruco”, 1987), *Mīlēt mūžam* (“Ami eterne”, 2004).

[113] *Progreso* 2014, n-ro 359, p. 22. Mia traduko: “Mi salutas Esperanton / naskitan per turmento / en Varsovio. / Mi estimas Esperanton / kiu en Parizo / naskis filinon — belulinon. / Ŝia nomo estas — Ido!”.

*poemi* 2001) kaj plu kontribuis per originalaj kaj tradukitaj poemoj en *Progreso*, *Ido-saluto!* kaj *Adavane!*, kaj Friedrich Porzenheim (n. 1939), kiu post sia poeta premiero en la gazeto *Ido-vivo* (1992) kontribuis per multaj originalaj poemoj en sinsekvaj numeroj de *Progreso*, sed neniam aperigis libroforme siajn kreaĵojn.

Tamen ankaŭ novaj nomoj aperis. La portugalo Gonçalo Neves (n. 1964), kiu eklernis Idon en 1997, do unu jaron antaŭ la morto de Juste, premieris en *Progreso* en 1999 per originala poemo (*foleso*), kiun sekvis multaj aliaj poeziaĵoj, ne nur originalaj, sed ankaŭ tradukitaj el la portugala, hispana, franca, latina kaj Esperanto. Liaj originalaj poemoj kolektiĝis libroforme en 2002 sub la titolo *Dazlo* (2a eld. 2019). Unu el ili (*Dineo*) aperis ankaŭ en esperanta gazeto, sen traduko, aldone al artikolo pri lia poezia agado en Ido.[114] En 2016 aperis ĉe Fonto lia traduko *La gardero di trupi*, de Alberto Caeiro / Fernando Pessoa, kiu fariĝis la tria plej longa poemo en Ido.[115] Samjare, en sia eseo *La vartisto de vortoj*, kiu gajnis la duan premion en la esea branĉo de la Belartaj Konkursoj de UEA, Jorge Camacho (n. 1966), analizante la poezian karieron de Neves, mencias ankaŭ tiujn du verkojn, citas fragmenton el unu el liaj Ido-

[114] *La Ondo de Esperanto* 2002: 4 (90), p. 12.

[115] 1053 versoj. Ĝi estas ankaŭ la unua Ido-libro eldonita de Fonto kaj verŝajne ankaŭ la unua Ido-libro aĉetebla en la libroservo de UEA. Fonto publikigis ankaŭ esperantan version de Neves en 2015 (*La gardisto de gregoj*), do verŝajne temas ankaŭ pri la unua verko tradukita de la sama homo al la du kuzaj lingvoj.

poemoj kaj fine aldonas komparan kronologian tabelon pri lia agado por Esperanto kaj Ido.[116]



*Guardando o rebanho* (“Gardanta la gregon”), bela oleopentraĵo (1893) de la portugala artisto António da Silva Porto (1850–1893), kiun la brazila eldonisto Gersi Alfredo Bays (n. 1934) elektis por ornami la kovrilon de *La gardisto de gregoj* (2015) kaj de *La gardero di trupi* (2016).

[116] vd. Camacho 2016: 70–71, 75–76.

En 2003 eklernis Idon la hispano Fernando Tejón,[117] kiu tuj entuziasmiĝis pri ĝi[118] kaj komencis ĝin ĉiel disvastigi.[119] Inter 2004 kaj 2008 li kompetente redaktis kaj profesie eldonis 25 numerojn de la tre interesa kaj okulplaĉa, riĉe ilustrita revuo *Adavane!*, kie aperis el lia plumo poemoj originalaj kaj, precipe, tradukitaj el pluraj lingvoj (hispana, kataluna, itala, angla), same kiel rakontoj originalaj kaj tradukitaj. Ankaŭ aliaj aŭtoroj tie publikigis poemojn originalajn kaj tradukitajn, kvankam malpli ofte (la hispanoj Josep Carles Laínez kaj Adrián Pastrana kaj la japano Takata Bebson). Tamen Tejón elstaris ĉefe pro siaj ampleksaj nepoeziaj tradukoj el pluraj lingvoj: li ja idigis du operojn (*La Traviata*, de Verdi, kaj *Turandot*, de Puccini), kiuj aperis nur en *Adavane!*, sed ne libroforme,[120] kaj tri klasikaĵojn, kiuj publikiĝis unue en la revuo, kaj poste libroforme: *La Princeto*, de Saint-Exupéry



Unu el la gravaj tradukoj de klasikaĵoj fare de Fernando Tejón, menciita ankaŭ en la internacia retejo http://www.petit-prince-collection.com

---

117 "Je la monato marto mi ekkonis Idon" [*Ye la monato Marto me konocis Ido*] (Tejón 2003).

118 "Mi multe amas nian lingvon Ido, sed mi estas nur Ido-studanto kaj mia Ido-scio pli etas ol pulo" [*Me multe amas nia linguo Ido, ma me esas nur Ido-studento e mea Ido-savo esas plu mikra kam pulco*] (Tejón 2003).

119 Je 2003-12-07 li eĉ intervjuiĝis pri Ido ĉe Radio Nacional de España (Nacia Hispana Radio): www.geocities.ws/kanaria1973/entrevistas.html

120 *Adavane!*, 2007, n-ro 21, p. 5–61; n-ro 24, p. 15–77, respektive.

(2005), *Pinocchio*, de Collodi (2006), kaj *Romeo e Julieta*, de Ŝekspiro (2006). Poste, subite, laŭdire pro nesufiĉa agnosko pri lia eksterordinara laboro, li forkabeis kaj transiris al la verda tranĉeo[121] kaj eĉ verkis detalan ilustritan lernolibron pri Esperanto,[122] kvankam antaŭe, dum sia Ido-fervora periodo, li nomis ĝin "brulingvo",[123] pro supozata malbelsoneco...

Inter 2005 kaj 2010 publikigis en sia blogo originalajn kaj tradukitajn poemojn kaj ankaŭ rakontojn la irlanda poetino Tatanka (pseŭdonimo de Siobhán Sheehan), kiu tiel fariĝis la ĉefa virina voĉo de la Ido-beletro. Kelkajn el ŝiaj pli fruaj poemoj Tejón republikigis en sia revuo.[124]



Tiberio Madonna, fajna poeto, sagaca filologo kaj plurlingva literatoro, unu el la pilieroj de la nuna Ido-beletro.

En 2009 la italo Tiberio Madonna (n. 1970) premieris per tri poemoj en *Progreso*[125] kaj baldaŭ fariĝis la ĉefa figuro de la post-Juste-a Ido-beletro, ne nur per siaj kvar sinsekvaj libroformaj poemaroj (*Guti de ombro e guti de lumo*, 2010; *Pensi*, 2011; *La tri suni* 2012; *La sonji*, 2014), sed ankaŭ per la bunta revuo *La*

[121] Je 2009-01-12, dum hispanlingva babilo ĉe Lernu!, li ja mesaĝis, ke "nun mia absoluta prioritato estas profunde lerni Esperanton, kaj tion mi faras" [*ahora mi prioridad absoluta es el aprendizaje en profundidad de Esperanto, y en ello estoy*]: https://lernu.net/eo/forumo/temo/722/9

[122] vd. Tejón 2012.

[123] "*bruiso-linguo*" (Tejón 2004).

[124] *Adavane!* 2007, n-ro 20, p. 32–37.

[125] N-ro 343, p. 26.

*Plumo Idala*, kies ses numerojn li mem redaktis inter 2013 kaj 2015, kaj kie sur entute 424 paĝoj aperis multaj poemoj aŭtoritaj de li, originale verkitaj aŭ tradukitaj el pluraj lingvoj (itala, hispana, angla, latina, Interlingua, Esperanto), krom rakontoj originalaj kaj tradukitaj kaj alispecaj artikoloj kaj studoj. Libroforme li aperigis ankaŭ kolekton da fabloj, rakontoj kaj limerikoj, sub la titolo *Fantastikaji* (2012), tradukitan hajkaron (*60 haiku Japoniana*, 2014), kanzonaron (*Kansoni Kristnaskala*, 2017, nova eld. 2018),[126] fablon (*La saponbulo*, 2017, reeld. 2018 kaj 2019)[127] kaj ses rakontojn (*La mikra punto*, 2013, 2a eld. 2019; *L'arboro dil cielo*, 2018, 2a ed. 2019; *La sonjo furtita*, 2018, 2a ed. 2019; *La formiko redkapa*, 2019; *La dolca oldineto*, 2019; *La mikra punto 2*, 2019). Madonna estas plurlingva verkisto: li ja aperigis 128-paĝan itallingvan kolekton da fabeloj kaj rakontoj ĉe Kimerik (*Il libro rapitore*, 2016),[128] gajnis du premiojn en traduka konkurso de Itala Esperanto-Federacio (2018) kaj verkis ankaŭ en Ido-similaj planlingvaj projektoj, kiujn li mem kreis: Euriko (2009), Eurikido (2010) kaj fine Eurikide (2011), kiun li rebaptis Interparla en 2012.

---

126 Krom tiu ĉi kolekto, Madonna publikigis ankaŭ *Lulkansono por Iesu*, kiun li verkis en la itala (*Ninna nanna Pargoletto*) kaj poste tradukis, kanteble, al la hispana, angla, Ido kaj Esperanto. La esperanta versio legeblas ĉe: http://pomojverdaj.blogspot.com/2018/12/lulkanto-por-jesuo.html

127 Ekzistas ankaŭ esperanta versio (*La sapveziko*), kiun Carlo Minnaja tradukis el la itala (*Literatura Foiro* 2018, n-ro 296, p. 363–366).

128 Unu el ties rakontoj, samtitola kiel la verko, aperis ankaŭ en Ido: *La libro raptera*, 2014, 2a eld. 2019.

En 2009 premieris en *Progreso* ankaŭ la hispano Antonio Martínez (n. 1976), kiu en 2011 libroforme aperigis kolekton da hajkoj kaj senrjuoj (*Kovrita voyo*) kaj plu publikigas en sia blogo poemojn originalajn kaj tradukitajn, ĉefe hajkojn. Ŝajne ne realiĝis do la iama antaŭvido, ke, post la morto de Juste, "la estonto de la Ido-beletro ne estas esperplena"...[129]

Inter 2011 kaj 2015 aperis en 6 numeroj la ilustrita periodaĵo *Gazuyi* (*ne dependanta e ne frequa jurnalo Idoza*),[130] kompetente redaktata de la franco Lenadi Moucina, kiu publikigis en ĝi poemojn kaj rakontojn originalajn kaj tradukitajn el la franca kaj hispana. En la menciita revuo aperis ankaŭ literaturaj kontribuaĵoj, originalaj kaj tradukitaj, de Tom Wood.



La lasta numero de *Gazuyi*, aperinta en januaro de 2012.

Originalajn poemojn publikigis en sia blogo la juna kanadano Gilles-Philippe Morin, sed menciindas ankaŭ, pro siaj tradukoj libroformaj aŭ engazetaj, ĉefe prozaj, i.a. la britoj David G. Weston kaj James Chandler[131] kaj la germanoj Alfred Neussner (n. 1927), [132] Jürgen Viol, Günter Schlemminger kaj eĉ Hermann Philipps (n. 1945), kiu estas (de 2014)... la *cifal* ("movadestro") de Volapuko!


Hermann Philipps, la nuna *cifal* de Volapuko, okupiĝas ankaŭ pri Ido.

---

[129] vd. Carlevaro 1999: 136.
[130] Ĉiuj numeroj ĉe: http://panglosa.chez.com/gazuyi/gazuyi.html
[131] Liaj literaturaj tradukoj sidas ĉe http://interlanguages.net/yindex.html
[132] Plej rimarkindas lia traduko *Merhameh* (2007), ne nur pro la famo de la verko kaj aŭtoro (Karl May, 1842–1912), sed ankaŭ tial, ke ĝi aperis dulingve ĉe nemovada eldonejo (Karl-May-Verlag, en Bambergo).

Tamen la ĉefa novaĵo de la Ido-literaturo en tiu ĉi periodo konsistas en tio, ke ĝi surpaŝis kampojn ĝis tiam virgajn. La honoro verki la unuan originalan romanon apartenas al la argentinano Eduardo A. Rodi, kiu post unua provo en 2005 (*La sucedanto*), publikigis en 2008 la romanon *Narkotanti*.[133] Lian ekzemplon sekvis la meksikano José Cossío Ramírez (n. 1972) per duvoluma ampleksa sciencfikcia romano: *L'Aventuri dil Amazonia: Unesma Kontakto* (2008), *L'Aventuri dil Amazonia II: Gravito Zero* (2008).[134] Baldaŭ aperis plia sciencfikcia romano, ĉi-foje pri interlingvistiko (*Habemus LIA*, 2010), el la plumo de la valenciano Partaka, kiu kvar jarojn poste publikigis duan romanon, nun pri religia temo (*Evangelio segun Partakael*, 2014). Samjare la usonano Brian E. Drake (n. 1957) aperigis la plej dikan (337-paĝan) unuvoluman Ido-romanon ĝisnunan (*Sencesa bruiso*, 2014).[135] Kvar jarojn poste, Drake regalis la Ido-legantojn per reviziita kaj korektita versio de tiu verko, sub la titolo *La aboyanta lando* (2018), kaj ankaŭ Madonna elpaŝis tiuĝenre (*L'asasino di Gonçalo*, 2018). En la sekva jaro, Drake publikigis du pliajn romanojn (*Sen kordeti*, 2019; *Kurez, kurez, ocidero*, 2019), el kiuj la unua elstaras ankaŭ tial, ke la aŭtoro esploras la novjorkan submondon kaj ties slangajn apartaĵojn.

---

[133] Recenzo de Partaka en *Progreso* 2008: n-ro 339, p. 4.

[134] Post longa silento, Cossío Ramírez publikigis en 2019 la longan rakonton *Khristine*.

[135] Per privata retmesaĝo je 2018-11-11 Drake informis min, ke tiun ĉi romanon li unue verkis en Esperanto kaj poste reverkis en la angla kaj fine en Ido. La angla versio (*A constant noise*) aperis en 2016.

